VIIa jaro. No 113 ★ Duonmonata ★ 5 Decembro 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**
Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono . . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**
Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd
Korespondado (1 enskribo) . . 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# KIEL NIN ORGANIZI ?

III

Ni montris la ĝeneralan staton de la organiza demando kaj la solvon, kiun ni proponas, nome kunfederiĝo de ĉiuj Esperantaj fortoj sur la bazo de la jam ekzistanta U. E. A. Ni montris, ke tiu solvo estas praktika, facila kaj simpla. La Esperantistaro tute ne deziras la kreon de novaj organizajoj, nepre naskontaj novan konfuzon ; ĝi deziras la kunligon de tiuj, kiuj ekzistas, kaj ordon, kiu estas la necesa kondiĉo por ĉiu plua laboro. Ĝi precipe deziras, ke la polemikoj kaj personaj disputoj ĉesu esti la unua priokupo de la Esperantistoj. Esperantismo ne bezonas politikaĉistojn, ĝi bezonas laborantojn. Al tiuj lastaj ni nin turnas. Ke al la unuaj eble ne plaĉas niaj ideoj, ni facile antaŭvidas, sed tio estas al ni plene indiferenta.

Restas al ni la tasko respondi al kelkaj argumentoj de la personoj, kiuj ĝis nun pli aŭ malpli kontraŭstaris al nia projekto.

La ĉefa el tiuj argumentoj estas, ke la poresperanta movado kaj la peresperanta estas tute apartaj kaj sekve por ĉiu el ili devas ekzisti speciala internacia organizajo. Ke la peresperanta agado estas malsama ol la poresperanta, ni ne neas, sed ke ili estas tiel malsamaj kaj esence apartigitaj, ke ĉiu el ili bezonas propran internacian organizajon, estas tute kontesteble. La poresperanta kaj la peresperanta laboroj estas du aspektoj de la sama klopodado. Ili sin reciproke subtenas, helpas kaj kompletigas. Diri, ke la propagandaj organizajoj semas, dum U.E.A. rikoltas, estas aserto, kiun nenio pravigas. Povas elmeti tiajn tranĉajn opiniojn nur la personoj, kiuj nenion scias pri U. E. A. kaj ne havas la plej malgrandan ideon pri la malfacilajoj, kiujn ni renkontis en nia agado. Ĉu oni kredas, ke organizi servojn, funkciigi ilin en serioza maniero, kun tre malalta kotizajo, estas pli facile, ol aranĝi paroladojn kaj fari kursojn ? Ĉu, same kiel U. E. A. uzas la elementojn varbitajn de la grupoj, la propagandaj organizajoj, reciproke, ne profitas de la laboro plenumata de U. E. A. por varbi novajn adeptojn kaj ilin allogi, ne pro amo al la teoria ideo de lingvo internacia, sed pro la servoj, kiujn ili ricevos — servoj grandparte aranĝitaj de U. E. A.? La vero estas, ke meti unu kontraŭ la alia propagandajn organizajojn kaj U. E. A. estas malutila laboro. Nia movado prosperos nur per ilia kunlaborado, kaj tiu kunlaborado estas praktike ebla kaj daŭra nur se ĝi havas kiel kadron komunan organizajon.

Le teorion, ke ekzistas neta diferenco inter la poresperanta kaj la peresperanta agado cetere neas la faktoj. Ĉu la personoj, kiuj sin sin okupas pri la unua ne zorgas ankaŭ pri la dua kaj ofte estas samtempe grupsekretarioj kaj delegitoj de U. E. A.? Ĉu grupoj ne eldonas gvidfoliojn, aranĝas ekskursojn, zorgas pri varbado de komercaj firmoj ; t. e. agas *per* Esperanto ? Ĉu, kiam U. E. A. faras servojn al firmo aŭ societo, ĝi ne plej bone agas *por* Esperanto, pruvante, ke ĉi tiu valoras ne sole per sia estonta, sed ankaŭ per sia estanta valoro ? Ĉu ĉiu propaganda organizajo, kiu volas vivi, ne devas aranĝi praktikajn servojn ?

La diferenco inter la du agadoj estas precipe teritoria. Dum U. E. A. por siaj servoj estas ĉefe internacie organizita, la propagandaj kaj instruadaj servoj estas regione aŭ nacie organizitaj, ĉar ili varias laŭ la enlandaj cirkonstancoj. Tial, laŭ nia projekto, la naciaj kaj regionaj societoj konservas

pri propagando kaj instruado sian ĝisnunan memstarecon; nur kiam ili bezonas interrilati aŭ havi komunajn servojn, ili uzas la perecon de la internacia organizaĵo.

Ni rimarku, ke se oni kreas internacian pure *propagandan* organizaĵon, oni starigas ion super ili kaj sekve forprenas grandan parton de la memstareco de la naciaj societoj. Tio ne okazas kun la principo de kunfederiĝo supre proponita.

. .

Alia argumento, malpli teoria, sed tamen iam timeme formulita : « U. E. A. volas ĉion ensorbi! ». « Se ni ne zorgas, ĝi nin ĉiujn englutos! », tion ni aŭdis en Antverpeno de iu samideano. La personoj, kiuj tiel rezonas, tre certe neniam legis nian projekton. Se ili tion farus, ili konstatus, ke U. E. A. nenion ensorbas. Ĝi ensorbus nur se ni proponus la kunfandiĝon, la nuliĝon de ĉiuj ekzistantaj organizaĵoj en U. E. A., sed nia projekto staras ĝuste sur mala ideo, t. e. sur la ideo pri kunfederiĝo. Sufiĉas ekzameni niajn proponojn por konstati, ke ensorbo estas neebla. Cetere, oni forgesas, ke U. E. A. estas ne tiu aŭ alia persono, sed organizaĵo starigita sur demokrataj principoj, kaj se iam ĝiaj kondukantoj ne agus konforme al la volo de la membraro, tiu ĉi havas facilajn kaj regulajn rimedojn por esprimi siajn dezirojn en nedubebla maniero.

La esenca demando, fine, ne estas ĉu tiu ĉi ensorbos tiun aŭ reciproke, sed ĉu la proponita sistemo de kunfederiĝo estas utila al Esperantismo.

. .

Alia malkompreniĝo estas pri la vorto « oficiala ». Oni timas, ke U. E. A., ĝis nun « neoficiala » fariĝus tiamaniere « oficiala ». Ni tute ne vidas, kial U. E. A. fariĝus pli aŭ malpli oficiala, ĉar la naciaj societoj rajtus elekti en ĝi reprezentantojn. Ĝi nur fariĝus pli kompleta. La vorto « oficiala » povas ricevi tiel multe da interpretoj, ke ŝajnas preferinde ĝin ne uzi, ol komenci longajn pure teoriajn diskutojn pri ĝia apliko. U. E. A., ĝis nun, estis tiel oficiala aŭ neoficiala kiel la aliaj institucioj de nia movado. Se ĝia organizo estas kompletigata, ĝia karaktero tamen ne ŝanĝiĝos.

Oni ankaŭ timas, ke la alpreno de nia projekto dividus la Esperantistojn en du klasoj : tiuj, kiuj apartenas al la internacia organizaĵo, kaj... la aliaj. Sed tio jam ekzistas nun, eĉ kun pli ol du klasoj. Estas Esperantistoj, kiuj apartenas al propagandaj organizaĵoj kaj al U. E. A., aliaj apartenantaj sole al propaganda organizaĵo, aliaj sole al U. E. A., aliaj apartenantaj al nenia organizaĵo. Tamen, ĉiuj rajtas sin nomi Esperantistoj, se ili — laŭ la Bulonja deklaro — scias kaj uzas Esperanton tute egale por kiaj celoj. Kunfederiĝo sur la bazo de U. E. A., ne ŝanĝus tion. La personoj, kiuj deziros uzi aŭ subteni la servojn de la Asocio, pagos la individuan kotizaĵon de U. E. A. kaj partoprenos en la balotado de la Delegitoj; la personoj interesiĝantaj nur pri propagando aŭ instruado aliĝos al grupoj kaj naciaj societoj, kiuj elektos reprezentantojn. Ĉar la delegitoj kaj reprezentantoj estos egalrajtaj, preskaŭ ĉiuj Esperantistoj estos pere aŭ senpere reprezentataj, al kiu ajn organizaĵo ili apartenos. Kompreneble, la personoj, kiuj volos partopreni en nenia organizaĵo, neniel povos esti malhelpataj, sed oni konfesos, ke ili ĝis nun en nia movado estis vere malmultaj.

. .

Kiamaniere estas realigebla nia projekto? Ni jam rimarkis, ke ĝi alportas relative malmulte da ŝanĝoj en la nuna organizo ĉu de U. E. A. ĉu de la ceteraj organizaĵoj. Sufiĉus unuparte precizigi, ke U. E. A. sin okupas ne nur pri aranĝo de servoj per Esperanto, sed ankaŭ pri diskonigo de Esperanto; tiu lasta tasko estos plenumata ne de U. E. A. rekte, sed de la naciaj societoj kunfederitaj en ĝi. Por faktigi tiun kunlaboradon, estus necese ke la naciaj societoj povu elekti reprezentantojn, kiuj havos la rajtojn antaŭe priskribitajn.

Tiuj aldonoj estos proponataj al la ĝenerala voĉdonado de la Delegitoj de U. E. A., tuj kiam la propagandaj organizaĵoj, per sia kongresa rajtigita delegitaro, akceptos la kunfederiĝon kun U. E. A. Tiamaniere, sen rompo kaj per regula vojo, la unueco estus atingata. La Komitato, pligrandigita en la maniero, kiun ni priskribis, reguligus la aliajn punktojn pri interligo de la diversaj ekzistantaj institucioj kaj diskonigo de la organizaĵo en ĝia kompletigita formo.

. .

Jam de multaj jaroj la Esperantistaro diskutadas pri organizo. Dum ĝi diskutadas, enmiksante neeviteble la personajn demandojn, ĝi sin ne dediĉas al alia laboro. Tia senĉesa diskutado estas tiom da tempo perdita por pozitivaj taskoj. Ni havas la okazon reguligi la situacion kaj meti finon al disputoj tiel tedaj kiel malutilaj.

Ni montris, ke anstataŭ konstrui novan organizaĵon, refari spertojn jam faritajn, plenumi duoblan laboron, pli saĝe, pli praktike, pli ŝparige estus uzi tion, kio ekzistas, kaj kunligi la nunajn organizaĵojn sur la bazo de U. E. A. Ni montris, ke tio povas efektiviĝi kun la minimumo de ŝanĝoj kaj iom da reciproka bonvolo. Ni havas la firman konvinkon, ke tiamaniere organizita nia movado plifortikiĝus, unue per la fino de la nunaj internaj bataloj, due per la nekontesteblaj profitoj, kiuj por nia agado rezultus el la unueco de organizo.

La Esperantistaro nun vidu, esploru kaj decidu!

H. Hodler.

---

# PENSOJ

La malliberulo forgesis la lumon, sed la sonĝo pri libereco pasis super li kiel fulmo en la nokto, post kiu la nokto estas ankoraŭ pli malluma.

Frato, mi vidis la homojn iliajn abelajn klopodojn kaj iliajn gigantajn projektojn, iliajn diajn planojn kaj iliajn musajn farojn, la mirinde strangan konkurkuradon al la feliĉo; unu fidas la krurojn de sia ĉevalo, alia la nazon de sia azeno, tria siajn proprajn krurojn; diverskolora loterio de la vivo, en kiu multaj metas en la ludon sian senkulpecon kaj... sian ĉielon, por kapti gajnon, kaj... nuloj estas la rezultato, — estis neniu gajna numero. Ĝi estas dramo, miaj fratoj, kiu eligas larmojn el viaj okuloj, dum ĝi tiklas vian diafragmon al rido.

La kuraĝo kreskas kune kun la danĝero; la forto grandiĝas en premateco. La sorto kredeble volas fari el mi grandan homon, ĉar ĝi metas al mi sur la vojon tiom da malhelpoj.

La leĝo faris limakan iron el tio, kio devis fariĝi flugo de aglo. La leĝo kreis ankoraŭ neninm grandan homon, sed la libereco elkovas kolosojn kaj ekstremaĵojn.

Kiu nenion timas, estas ne malpli potenca, ol tiu, kiun ĉiu timas.

Estas vero, ke ekzistas certaj societaj interkonsentoj, kiujn oni aranĝis, por irigi la pulson de la monda societo. Honesta homa! efekiive ĝi estas grandvalora monero, per kiu oni povas majstre brokanti, se oni scias bone ĝin spezi. Konscienco, ho jes, certe! brava ĉifonfiguro, por fortimigi paserojn de ĉerizarboj! Ankaŭ bone skribita kambio, per kiu eĉ bankrotulo en ekstrema okazo al si helpas.

(El *La Rabistoj*, de Schiller).

IDEOJ & FAKTOJ

## Herooj de la strato (1).

La fama luktisto kaj « premiito de la mondo », kozako Poddubnij loĝis antaŭ kelkaj jaroj en Finnlando, kie li konatiĝis kun Maksimo Gorkij. La verkiston, verŝajne, ekinteresis la luktanto, kaj eble la luktanton ekinteris la verkisto, kaj oni ofte vidis ilin kune. Unufoje poste mia konato konversaciis kun la « premiito », kaj aŭdis de li sekvantan aforismon : — Malmulte da grandaj homoj estas. Mi, kaj Gorkij, kaj ankoraŭ eble Leo Tolstoj...

Tiel almenaŭ rakontis mia amiko. *Si non è vero è bene trovato.* Al kozako Poddubnij, kiu renversis sur ambaŭ skapolojn la francon Pons, la germanon Luriĥ, la negron Bambulo, la turkon Kara-Aĥmet kaj ankoraŭ grandan kvanton da korpulentaj, tronutritaj bubegoj, kaj ricevis pro tio titolon premiito, larĝan ĉirkaŭŝultran rubandon, dekon da kartonaj kaj ladaj steloj kaj konvinkon, ke li al ĉiu povas « rompi la ponton » ĉe furiozaj aplaŭdoj de la strato, al tiu kozako Poddubnij tute nature ŝajnas, ke li estas la plej rimarkinda filo de la jarcento. Respektante ne nur la fizikan, sed ankaŭ la spiritan forton, kozako Poddubnij estas preta konfesi, ke Gorkij ankaŭ estas rimarkinda homo. Sufiĉe da kaŭzoj estas por tio : li alvenis de la malsupro ĝis la « supro » mem, verkis nemalbelajn literaturaĵojn, kaj krom tio estas amike konata kun la « premiito de la mondo ». Poste sekvas Leo Tolstoj, kiu tiun privilegion ne havas, sed tamen estas homo de sufiĉe granda valoro. Nu, kaj la ceteraj — popolaĉo, ne taŭganta atenton — per du fingroj vi lin puŝetas kaj li jam sur la skapoloj kuŝas...

Mi tre petas pardonon de la « premiito de la mondo », se, laŭ fremdaj vortoj, mi atribuas al li la pensojn, de li ne esprimitajn. Sed laŭ mia opinio, li havis la rajton kaj kaŭzon ilin esprimi.

Juĝu mem : dum dek jaroj, en ĉiuj ĉefurboj de la mondo, en cirkoj, teatroj kaj aliaj gajigejoj, li luktis antaŭ troplenigitaj loĝioj, antaŭ partero tute okupita, antaŭ supraj galerioj, kie oni povis sufokiĝi pro multeco de homoj. Blekado, kriado, aplaŭdoj, dolĉe : « Brave, Poddubnij » elparolita de ĉarmaj belulinoj, ĉiuj eblaj signoj de simpatio kaj admiro flugis al la muskoloriĉa filo de la kvieta Dono por tio, ke li faris al iu Aberg rulitajn brakojn (2). Efektivaj ŝtataj konsilantoj premis al li la manojn ; mondumaj dandoj envieme palpis liajn bicepsojn kaj frapis la grandegan aknoplenan dorson ; delikataj belulinoj sendadis ambiletojn ; kadetoj malfortiĝis pro ravo, literaturistoj, kunvenante en redakcioj, interparolis pri « nelsonoj », « antaŭaj » kaj « malantaŭaj zonoj » kaj organizis malgrandajn bataletojn de franca luktado inter du malgrandaj felietonoj ; komizoj kaj modistinoj ĉiuj sciis, ke ekzistas en la mondo tia mirindaĵo, kozako Poddubnij, kaj la tuta kvieta Dono fieriĝis pri sia fama filo. Sufiĉas la kaŭzoj por kapturno ! Sed ne sola kapturno estas tie, ekzistas vera konateco, plej vera populareco kaj famo. La strato nomis lin sia heroo, donacis al li sian admiron kaj sian estimon. Kial do li ne devas esti fiera ? Eble nur tial, ke iu Joe Johnson havas ankoraŭ pli da kaŭzoj por esti fiera. Efektive, la arto de S-ro Poddubnij, kiu alportis al li famon kaj mildekojn da rubloj, konsistas en tio, ke, renversinte la negron Bambulo sur la plankon, li kapablas kuŝigi sur lin sian naŭpudan ventron, poste, metinte la dikegan manon en la akselon kaj kaptinte la kapon de l'negro, agi per ĝi kiel per levilo. Iom post iom li renversas Bambulon sur la flankon, ŝvitas, bluiĝas kaj stertoras. Poste, kiam Bambulo kuŝas jam sur unu skapolo, « la premiito de la mondo » subite iom leviĝas, kaj per la ventro frapas tiel, ke eĉ fera amboso povus platiĝi. Bambulo do kun elorbitigitaj okuloj kuŝas sur ambaŭ skapoloj. Tio estas, sendube, bela kaj intéresa, sed Johnson estas ankoraŭ pli interesa. Jen la pruvo : por unu pugnobatalo kun Jeffries li ricevis milionon da dolaroj.

Ĉiu, kiu scias, ke senmerite oni sur nia tero al Johnson'oj milionojn ne donas, ne postulas pruvon, ke Johnson efektive estas granda homo ; alie li ne enspezus milionojn.

Sed la sola fakto, ke Johnson por unu simpla pugnobatalo ricevis tiom, kiom por sia tuta vivo ricevis de la « dankema homaro » ekzemple nek Pasteur aŭ Currie nek Leo Tolstoj por ĉiuj siaj libroj, diras al ni malmulte. Permesu ilustri ĝin per personaj impresoj. Johnson'on mi ne vidis, sed mi vidis Sam-Mak-Vea'n kaj iun Brown'on, mi vidis ilian interbatiĝon kaj ilian publikon. Boksistoj, pugnobatalo kaj publiko estas aliaj ol en Ameriko, sed samtempe la samaj. Pro tio la diverseco de longitudo kaj latitudo estas ne grava.

La grandega salono de pariza Wonderland estas salono de mirindaĵoj. Ĝi estas plena ĝis la limoj de ebleco, kvankam malestas lokoj pli malkaraj ol 4 Sm., kaj la unuaj vicoj kostas po 40 Sm., la loĝioj po 240 Sm. Nek Pati, nek Mazini, nek Paderevskij aŭ Godovskij havas tiajn prezojn. Ĉu dolĉa voĉo aŭ sonoj de Stradivarius'a violono estas indaj, ke oni pagu por ili neaŭdite-grandajn sumojn ? Tute alia afero estas, se oni rigardos, kiel dekpuda pugno de Sam-Mak-Vea frakasos ripon de Browne !

Meze estas rondo, ĉirkaŭita per ŝnuro kaj kovrita per haroriĉa tapiŝo. Ni atendas la luktontojn. Ni atendas febre, ĉar ni scias, ke la batalo estos serioza kaj ke estas tre grave scii, kiu faros al la alia « Knock-out ». Ni scias, ke la pugno de Mak-Vea povas mortigi bovon. Sed el jurnaloj ni scias, ke Browne ankaŭ sin pretigis dum jarduono. Li kutimigis sin al frapoj. Sindonemaj amikoj ĉiutage frapadis lin per multpezaj pugnoj en la nazon, en la dentojn, en la vangostojn. Ĉiutage ili plifortigis la batojn. Kaj rezultate Browne tiel perfektiĝis, ke per lia nazo oni povas rompi timonstangon. La ripoj estis perfektigataj laŭ speciala maniero. Browne kuŝiĝis sur la plankon. Korpulenta dikulo stariĝis sur lian bruston kaj ventron kaj saltis. Ĉiutage li saltis pli kaj pli alte, enigante la kalkanojn en la korpon ; Browne pufiĝis kaj distiriĝis. Kaj tiel li alkutimiĝis pufiĝi kaj distiriĝi, ke se nun sur lin falus de la Eifela turo « la premiito de la mondo » mem, Browne nur iomete skuiĝus.

Ili eliris, haltis. Eksvingis kaj turnis la manojn, iom kuris, renkontiĝis, kunpremis la kapojn, dissaltis, kaj subite la nigra Sam-Mak-Vea suprenflugis, disetendiĝis en la aero kaj — uĥ ! — lia mortiga pugno trafis la korflankon de Browne, kiu disjetis la piedojn kaj falis malantaŭen. Ĉiuj salte leviĝis. Aplaŭdoj, krioj. Sinjorinoj en la loĝio apud mi svingas la naztukojn, iliaj okuloj brilas. Belege ! Kiel tigro ! En la aero, tute en la aero ! « Knock-out » ?

Sed Brown ekzerciĝis ne vane. Kvar sekundoj, — kaj jen li jam staras. Klininte la kapon, kiel bovo, kvazaŭ ĝiba, dika, kovrinte la okulojn per la mano, li jetas sin kontraŭ Sam-Mak-Vea'n kaj ekfrapas... la aeron. La « Tigro » forsaltis, kaj de flanko ekbatas Brown'on en la mentonon. Browne estas sur la tero kaj denove la ĉeestantaro blekas kaj ĝemas pro admiro. En la brovon ! En la ripon ! En la nazon ! En la vangoston ! En la korflankon ! kaj de ĉiu frapo Browne kiel ŝtipo falas teren. Li falis jam dudek fojojn, kaj kiel vera ludilo-nerenverseblulo ne pli pli malfrue, ol post kvin sekundoj denove staras. La nazo kreskis kaj ŝvelis. La tuta vizaĝego estas kovrita per sango. Unu okulo ne vidas. La

(1) El gazeto « Ruskija Vedomosti ».
(2) Luktotermino.

korpo estas purpura. Sed Browne staras! Oni aplaŭdas al la « Tigro » sed oni jam admiras Brown'on. Tio ja estas diablo! — Ne, li efektive estas kaŭĉuka. — Nenion kun li faros Sam-Mak-Vea! Kaj Browne, fiera pro sia « sukceso » grave sidas sur la seĝo. Oni delikate masaĝas lin, malsekigas per io, alŝutas lin pudron...

(*Daŭrigota.*) Trad. S. Obručev (Tomsk., Siberio).

## Venas nova Rusujo

Kvankam nia lando nuntempe elspezas malmulte da mono por nia popola kleriĝo, precipe kompare kun aliaj regnoj, kvankam eĉ ni en la lernejoj estas malmultaj lernantoj kaj granda parto de la junularo restas ekster lernejo, tamen oni devas konstati, ke la progreso de la popola klerigado dum la plej lasta tempo fariĝis sufiĉe rapide. Tio okazas precipe en la industriaj regionoj. Ekzemple, la Moskva gubernio rapide fariĝas legoscia. Vere, ĝi estas industria gubernio kaj enhavas grandparte urban loĝantaron, sed tiu urba loĝantaro estas multe pli legoscia ol antaŭe.

La ciferoj klare montras, kiom rapide progresas la klerigo inter la laboristoj de la Moskva gubernio. Se nunetempe inter la maljuna generacio aĝa de pli ol 60 jaroj, legosciaj laboristoj estas 39, 7 %, la procento ĉe la junaj elementoj pliaĝaj de 12 ĝis 15 jaroj. legosciuloj estas 93, 4 %.

Inter la virinoj, tiu progreso estas ankoraŭ pli interesa. Ĉe la maljuna generacio aĝa de 60 jaroj kaj pli, la legosciuloj reprezentis 1, 9 %, kaj en la parto aĝa de 12 ĝis 15 jaroj la proporcio jam atingas 74, 3 %. Precipe intense progresas la pliaĝaltiĝo de leg- kaj skribscio dum la lastaj jaroj: videble venas nova Rusujo.

Anstataŭ malklera, senalfabeta Rusujo venas legoscia Rusujo!

Tiu ĉi promesplena fakto certe nin kuraĝigas kaj instigas nin al plua energio en la necesa batalado kontraŭ la popola malklereco. Kiom ajn malmulte da mono ni elspezas por la instruado, la postuloj de la vivo estas tiel fortaj, ka malgraŭ ĉiuj baroj kaj malhelpoj, la kleriĝo de la popolamasoj nedubeble progresas.

D-ro. J. Ozezov.
*Trad.* A. Koh (Varsovio).

## Dreadnoughts kaj Ŝipegoj (1)

De kelkaj jaroj, oni internacie multe sin okupas pri la potenco de la diversaj nacioj tiel je la vidpunkto de iliaj ŝiparoj kiel je la vidpunkto de iliaj terarmeoj, kaj oni vidas regnojn, kiuj ĝis nun malmulte interesiĝis pri maraferoj, kiel ekzemple Aŭstrio kaj Italujo, kiuj febre surakvigas militŝipojn pli kaj pli gravajn.

Oni ofte aŭdas pri kirasŝipoj nomataj *Dreadnought*, sed la sencon kaj originon de tiu vorto oni ne sufiĉe konas, tiel ke ofte oni ĝin malĝuste aplikas. Kiel la Usona militŝipo, *Monitor* surakviĝita antaŭ kvindek jaroj, donis sian nomon al tuta klaso de ŝipoj, tiel same la angla kirasŝipo *Dreadnought*, t. e. Timu nenion, surakvigita la 10-an. de februaro 1906 kaj uzita de la komenco de 1907, fariĝis la tipo de linia ŝipo, tiel ke oni povas diri, ke ĉiuj kirasŝipoj uzitaj antaŭ ĝi reprezentas jam nur materialon de dua aŭ tria graveco.

La angla admiralo Mahan montris, ke la precipa karaktero de la *Dreadnoughts* konsistas en tio, ke ilia armaĵo estas koncentrata en malgranda nombro de kanonoj tre dikaj, kiuj prefere devas havi ĉiuj la saman kalibron. Tio ĉi cetere ne estis severe aplikita de ĉiuj ŝiparoj, kaj la potenca japana *Satzuma* de 19.800 tunoj, same kiel la francaj kirasŝipoj *Jean-Bart*, *Danton*, k. t. p., posedas du kalibrojn de kanonoj. Oni cetere konstatas evidentan emon pligrandigi la dimensiojn de tiuj potencaj militŝipoj. Ekzemple, en Britujo, la unua *Dreadnought* havis nur 18.200 tunojn, dum la postaj havas 19.250. Arĝentino nun konstruigas du de 18.000 tunoj kaj tiun mendon Brazilujo respondis per mendo de tri ŝipoj de 19.000 tunoj ĉiu. Ĝis 1907, Germanujo havis sur la maro nur liniajn ŝipojn de 13 ĝis 14.000 tunoj; sed kun siaj nunaj ardaj maristemaj ambicioj, ĝi de tiam surakvigis kvar *Dreadnought* de 18 000, poste kvar de 21.500 kaj en 1911-1912 ĝi ankoraŭ surakvigos ses samajn. Krom tio, ĝi ankoraŭ posedas du ŝipojn de 19.000 tunoj, kiuj estas alnomataj *Superdreadnoughts*. Kaj, ĉar la brita admiralitato tendencas pligrandigi la kalibron de la kanonoj, kiujn ĝi instalas sur siaj fortaj ŝipoj, la Germanoj pligrandigas de 25 ĝis 33 centimetroj la dikecon de la kiraso por la ŝipoj, kiujn ili estas konstruantaj aŭ projektantaj.

La rusa ŝiparo, kiu ŝajne estis mortinta post la malvenko ĉe Ĉuŝima, tiel bone restariĝis, ke ĝi nun finas ses *Dreadnoughts* armatajn ĉiu de dekses kanonoj kaj kvar de 23.300 tunoj ĉiu kun dekdu kanonoj de 305 milimetroj, kaj la surakvigo de tiuj ŝipegoj okazas en granda solenaĵo kun la ĉeesto de la caro kaj lia familio.

Siaflanke, la itala ŝiparo ne restas malantaŭe. Je la fino de la lasta jaro, ĝi surakvigis la *Dante Alighieri* de 19.500 tunoj kaj nun konstruas tri grandajn krozŝipojn de 22.000 tunoj. Aliparte, regno, kiu havas nur malmulte da maraj limoj kaj ĝis nun malmulte zorgis pri tiu elemento, nome Aŭstrio-Hungarujo, ankaŭ volas montri tie sian potencon kaj solene surakvigis en Triesto la *Viribus Unitis*, bela kirasŝipo de 22.000 tunoj kiu surportos dek-du kanonojn de 305-milimetroj.

Estas rimarkinde, ke la inĝenieroj de la tri lastaj supre cititaj regnoj alprenis sufiĉe gravan novaĵon en la armado de la *Dreadnoughts*. t. e., ke anstataŭ havi kiel ĝis nun nur du kanonojn en ĉiu tureto, ili dispartigas la dikajn kanonojn de 305 milimetroj en supremetitaj turetoj, el kiuj ĉiu entenas tri kanonojn. Alia interesa elemento en la konstruado de la *Dreadnoughts* estas la konstrumaniero de la mastoj. Tiel, la britaj mastoj estas rekoneblaj unuavide dank'al tio, ke ili estas nigraj kaj en formo de tripiedo; ĉiu el ili fakte estas formata el tri mastoj klinitaj kaj kunigitaj ĉe la supro. Male, la Usonaj mastoj estas kaĝmastoj, kies karakteriza silueto memorigas la tiel konatan Eifelturon. Tiuj tre altaj mastoj estas efektive formataj per speco de plektaĵo kaj pro sia fleksebleco mem povas senpune elporti bombardiĝon, ĉar la kuglegoj ilin trapasas kaj truas, sed ilin ne detruas, kvankam kompreneble difektas.

La motoroj de la plej lastaj *Dreadnoughts* estas ĝenerale vaporturbinoj. Tiaj ili estas ĉe la francaj kirasŝipoj *Danton*, *Condorcet* kaj *Waldeck-Rousseau*, kiujn admiralo Lapeyrère antaŭ ne longe kondukis de Brest ĝis Toulon je la rapideco da 17 marmejloj de 1850 metroj hore. Tiu rapideco estis tute regula dum la vojaĝo, kio certe montras la profiton de tiuj turbinoj. Sed ili, kiel tiuj de la *Dreadnoughts*, estas karbmanĝeguloj; de Brest ĝis Toulon ĉiu el ili konsumis 400.000 kilogramojn en 24 horoj, kio reprezentas elspezon da 4.800 Sm. potage por ĉiu kirasŝipo.

La fervora vetbatalado de la grandaj regnoj en la konstruado de *Dreadnoughts* kaj Superdreadnoughts estas do konstanta fonto de grandegaj elspezoj, ĉu por repagi la interezojn de la elspezitaj kapitaloj, ĉu por la salajroj, ĉu por la prizorgo de la ŝipo mem kaj de ĝiaj maŝinoj, ĉu fine por la karbo, kiun ili konsumegas. Ni ne parolas pri la kolosaj sumoj, kiujn reprezentas ilia konstruado kaj kiuj kelkafoje estas nuligitaj en unu momento, kiel okazis en la jusa katastrof de Toulon.

Kio estas plej malĝoja en tiu konkurado estas, ke fine tiuj grandegaj elspezojn, kiujn pagas la trankvilaj kaj laboremaj popoloj havas nenian alian celon, ol fari kiel eble plej multe da domaĝo al ia alia nacio, ne sole ne-niigante ĝiajn ŝiparojn,

(1) El « *Journal de Genève* ».

sed ankaŭ mortigante aŭ vundante ĝiajn oficirojn kaj ĝiajn soldatojn. Kiel malpli naŭzigaj, kiel pli interesaj kaj simpatiaj estas la stimulo kaj konkurado, kiujn prezentas al ni ne la registaroj, sed simplaj komercaj entreprenoj de martransportoj, speciale tiuj, kies celo estas perfektigi senĉese kaj plirapidigi la ŝipegojn, kiuj tra Atlantiko komunikigas Usonon kun Eŭropo.

*(Daŭrigota).* Ed. Lullin (Ĝenevo). *Trad.* A. R.

## La medicina helpo en la Siberiaj vilaĝoj

Medicina helpo, kiel ankaŭ aliaj faktoroj de kulturo — agronomio, popolinstruado — estas en Siberio tre malbone aranĝataj. Multaj lokoj eĉ tute ne havas ĝin — nek malsanulejon, nek kuraciston kaj lian helpanton, nek akuŝistinon. Kaj mi ne scias, kiaj kaŭzoj de simila malordo estas la plej ĉefaj : ĉu nezorgemeco de rusa tre konservema registaro, kiu entute malmulte faras por vera bono de l'popolo, ĉu nehonesta sintenado de Rusujo rilate al Siberio, kiun ĝi konsideras kiel duonfilinon, ĉu vasteco de la Siberia teritorio, malebligas starigi en Siberio medicinhelpon. (Se la registaro bonvolus plibonigi Siberion, ĝi povus tion bone aranĝi, interalie donante al ĝi « zemstvo », t. e. lokan memstarecon, kiel ĝi donis por Eŭropa Rusujo, sed ĝi preferas ekzili tien politikajn « krimulojn », kiuj estas la veraj filoj de nia patrolando) Do, mi ne scias sufiĉe bone la ĉefajn kaŭzojn de la malzorgo de la rusa registaro (pli vere, ĉiuj supre-cititaj kaŭzoj havas sian influon), sed mi bone scias, el propra sperto, ke ĉio, kio koncernas la popolinstruadon, agronomion kaj medicinan helpon estas tute malbone organizita. En la nuna artikolo, mi konatigos vin kun la medicinhelpo en nia Transbajkala regiono, des pli, ke en la aliaj regionoj de Siberio la afero ne estas pli bone. Antaŭ du jaroj, mi loĝis en vilaĝo Doronino, ĉe la bordo de rivero Ingoda, je distanco da 150 kilometroj de Ĉita, ĉefurbo de Transbajkalo ; je 50 kilometroj, estas la lasta rusa vilaĝo Tanga, post kiu komenciĝas Mongolio. Do, de Tanga ĝis Ĉita, la distanco egalas 200 kilometrojn, kun 24 vilaĝoj, kaj por tia granda regiono ekzistas nur unu kuracisto kun du helpantoj. Ne opiniu, ke la doktorhelpantoj havas malsanulejon ; ne, ili nur havas akceptejon ; por seriozaj okazoj, ili estas petataj viziti la loĝejon de la malsanulo. Nun, vi komprenas, kion povas fari unu feldŝero, t. e. doktorhelpanto, tiu 1 (havas grandan regionon kun malbonaj vilaĝaj veturrimedoj, 2) havas tre nesufiĉan apoteketon kaj ricevas de la vilaĝanoj monhelpon da 200-300 Sm. jare ! (tia sumo sufiĉas nur por aĉeto ricinoleon, sodon kaj « tanalbinum » por kamparanoj ! ), 3 la helpantoj ne havas la rajton operacii (nur kelkaj maloftaj estas akuŝistoj) kaj havi venenojn. Do, la supre citita regiono estas nur kun unu kuracisto, kiu nur kelkfoje dum jaro, vizitas sia regionon, ne sole por kuraci la loĝantaron, sed por — laŭ ordono de pacjuĝisto — fari aŭtopsion ! Multaj vilaĝoj tute ne ricevas medicinan helpon, ĉar oni devas veturigi « feldŝeron », kiu loĝas je 40 kilometroj, aŭ estas tre okupata, aŭ veturis en alian lokon. La vilaĝano — anstataŭ li, venigas ian malkleran maljunulon aŭ maljunulinon, kiu, nenion sciante, nur faras sensencaĵojn kaj pli ofte malutilas ol utilas. La kompatindaj vilaĝaninoj, ekzemple, multe suferas dum akuŝado ; se la akuŝantino ne povas akuŝi, la fi-akuŝistino suprenpendigas ŝin al la plafono kapon supren, skuas ŝin, sidigas ŝin en vaporbanejo, k. t. p. Antaŭ ne longe mortis en mia paroĥo iu vilaĝano : li veturis sur ĉaro hejmen, iomete drinkis kaj falis teren. Anstataŭ venigi kuraciston (je 47 kilometroj), li venigis lamaon (burjata pastro) ; la lamao ne helpis ; li venigis ian malklerulon. kiu ordonis mortigi ŝafon kaj ĉirkaŭmeti la malsanulon per varmaj internaĵoj, ĵus elprenitaj de mortigita ŝafo ! Kompreneble, la malsanulo ricevis paralizon kaj mortis... « Feldŝeroj » plendas, ke oni ne donas al ili la necesajn ilojn por akuŝo kaj aliaj bezonoj ; ili estas devigataj aŭ aĉeti ilin el sia propra mono aŭ labori sen la necesaj iloj ; ekzemple, ĉe nia « feldŝero » mortis kelke da virinoj pro hidropso nur tial, ke li ne havis malmultekostan ilon por operacio. Sed eĉ tio, kion havas la « feldŝeroj » estas malbonkvalita, ĉar oni ne sendas ofte al la vilaĝa apoteko tion, kion oni petas kaj bezonas aŭ sendas ĝuste tion, kio estas senbezona. Sed kion fari ? La vilaĝaj kuracistoj estas mizeraj personoj, kiuj ne havas la rajton memstare mendi, kion ili bezonas. Al ili la kuracistinpektoroj sendas, kion ili ricevas el firmoj kaj sendas en la vilaĝojn netaŭgaĵojn, laŭ la tiea proverbo « prenu, diajo, tion, kion mi ne bezonas ».

Nun mi priskribos alian kuracistan regionon de nia Transbajkalo, kie mi nun loĝas, en vilaĝo Ŝergolĝin, je distanco da 42 kilometroj de vilaĝo Krasnij Jar (kie estas poŝtoficejo), ĉe la bordo de rivero Ĉikoj. Mi loĝas en « ursa » angulo, malproksima je 200 kilometroj de la plej proksima fervoja linio, apud limo kun Mongolio, inter rusoj kaj indiĝenaj burjatoj. Kuracisto loĝas en Krasnij Jar kun unu helpanto ; alia helpanto loĝas en Urluk (85 kilometroj de Krasni Jar). La regiono de nia kuracisto estas tre granda kaj havas loĝantaron da 77.000 homoj. Por tiuj 77.000 loĝantoj ekzistas do nur unu kuracisto en Krasnij Jar, kie estas akceptejo, sed nenia malsanulejo ! Ĉu ni povas laŭdi registaron, kiu devigas popolon pagi grandajn impostojn, rektajn kaj nerektajn, kiu trovas sufiĉe da mono por pagi multajn altrangulojn kaj ne trovas monon por certigi al la popolo pli bonan medicinan helpon ? Pro tiu manko multaj el miaj paroĥanoj mortas senhelpe, iliaj edzinoj turmentiĝas por akuŝi kaj helpon petas ĉe... la pastro ! Jes, pastro helpas... por akuŝi, ĉar li estas la sola klera homo en la vilaĝo, sed malgraŭ sia klereco li nenion komprenas en afero de akuŝo kaj povas helpi nur per... subteno de superstiĉo : efektive, nia popolo kredas, ke se naskintino ne povas akuŝi, oni devas nur peti pastron eniri en preĝejon kaj malfermi la « caran pordon » de l'altaro, kaj la malsanulino akuŝos. La pastroj plenumas la deziron de la petegantoj, ĉar... ĉu ili povas rifuzi lastan esperon de malesperuloj ? Mia konato, kuracisto en Krasnij Jar rakontis al mi el sia praktiko la jenan teruran mirindan okazon : oni veturigis lin por viziti virinon, kiu neniel povas akuŝi. Kiam li esploris la staton de la suferantino, li trovis ke la naskiĝonto jam mortis en la ventro de la virino ; necese estis ĝin eltiri, sed li ne havas hokon por tiu eltiro. Kion fari ? Li devas savi la virinon, kaj tion li povas fari nur se li havas hokon. Li multe pensis kaj finfine kuraĝiĝis ; li ordonis trovi grandan feran najlon (ĝin trovis eltirinte el la muro), porti ĝin al forĝisto, por ke li faru el ĝi hokon ; kiam la hoko estis preta, li malinfektis ĝin kaj faris la operacion. Poste kelke da tempo li revidis la operaciitinon en bona sano !

Jen kiel vivaĉas la suferanta premata popolo ! Iuj homoj, el mia lando, riproĉos min, ke mi eksterlanden diskonigas la « polvon kaj balaaĵon de mia hejmo », sed mi ne havas la rajton silenti. Necese estas, ke la kultura mondo sciu pri tiuj faktoj kaj konu, kiu estas la vera malamiko de l'progreso.

Pastro I. Seriszv, (*Subdel.* Krasnij Jar, Siberio).

---

**Esperantianoj ! Repagu al via Delegito vian kotizaĵon por 1912. (50 sd.).**

**Firmoj ! Se vi deziras esti anoncataj en la Jarlibro de U. E. A. por 1912. (9.000 ekzempleroj) rapidu aliĝi kiel Esperantiaj Entreprenoj !**

**Esperantistaj Societoj ! Se vi deziras esti enregistrigataj en la Oficiala Jarlibro de U. E. A. por 1912, aliĝu kiel Esperantiaj Entreprenoj !**

**Kolektistoj, Laboristoj, Virinoj ! Aliĝu al la nove kreitaj fakoj (50 sd.) !**

**Fervoruloj ! Se vi deziras faciligi la taskon de U.E.A. ne hezitu aliĝi kiel Subtenantoj de nia Asocio (kotizaĵo : 2 Sm.) !**

# LITERATURA PAĜO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*Stark.* — **Esperanto-Kalender 1913.** — Central-Verlag für Esperanto und Stenographie, Magdeburg, Sm. 1.

Tiu lukse eldonita kalendaro konsistas el 365 ĉiutage elŝirotaj folioj (20 × 11) fiksitaj sur kartono. Aparta fortika kovrilo ebligas bindi kaj libroforme konservi la elŝiritajn foliojn.

La teksto estas zorge kunmetita kaj redaktita. Nur la unuaj folioj enhavas kelke da germanlingvaj klarigoj, sed ĉiuj ceteraj estas en Esperanto kaj konsistigas veran enciklopedion pri nia lingvo kaj movado : dialogoj, anekdotoj, poezioj, humoraĵoj, instruoj pri Esperanto, eltiraĵoj el verkoj, ĉekbankaj aferoj, parolado de Zamenhof, k. t. p.

Sekve ĉiutage oni povas legi interesan paĝon kaj sin amuzante instruiĝi pri niaj lingvo, literaturo, institucioj...

Mi sincere konsilas al ĉiuj grupoj, al ĉiuj esperantistoj, ke ili senprokraste mendu tiun tagkalendaron : ili ne domaĝu sian spesmilon !

* *

**Portreto gravuraja de D-ro L. L. Zamenhof**, ekstera grandeco 22 × 31. Ricevebla nur per la *Esperanto propaganda-Instituto*, Leipzig, Kaiser Wilhelmstr. 15. — Prezo afr. Sm. 0.85.

Ne vidinde tiun portreton, mi povas nur citi la juĝon de S-ro Feliks Zamenhof, la frato de nia majstro, kiu diris ke *« la portreto estas la plej vera, eĉ la plej bela el ĉiuj ekzistantaj ».*

* *

**Elekto el Germana Kanttrezoro de Erk.** — 37 kantoj kun notoj por kanto kaj fortepiano. Eld. C. F. Peters. — Ricevebla per *Esperanto-Propag.-Instituto*, Leipzig 15. — Sm. 1.

En tre bona artikolo S-ro A. Hermant antaŭ nelonge donis jenan atentindan konsilon : « Oni ne kantas en niaj (francaj) rondoj, kiel en la anglaj, kaj ni ne konas la esperantajn Kantojn. La dua fakto estas sekvo de la unua, kaj ambaŭ estas bedaŭrindaj. Ni estas tre praktikaj homoj: sed ne tute praktikaj ; ĉar alie ni utiligus praktike la sentemon kaj iom da idealismo, kiuj ludas sufiĉe efikan rolon en nia movado. Organizo de specialaj kantrondoj estas alia formo de agado rekomendinda... Ili alportus en niajn kunvenojn atmosferon de delikata ĉarmo, kiu allogus kaj restigus multajn kaj fariĝus efikriĉa por la progreso de esperantismo ».

Tiel ĝustatempe eldoniĝas de la firmo Peters tiu belega kanttrezoro enhavanta la plej konatajn popolkantojn germanajn kun tre bonstila traduko farita per la zorgo de G. E. A. La germanaj esperantistoj kore salutos ĝian aperon, sed ankaŭ la negermanaj gajigos siajn amuzajn kunvenojn per kantado de la arioj el ĉi tiu belege eldonita verko.

* *

*Gautherot.* — **Esperanto kaj Ido**, trad. L. E. Meier. — Esperanto-propaganda-Instituto, Kaiser Wilhelmstr. 15. — Leipzig. Prezo : Sm. 0,10.

La XV-an ĉapitron (p. 275-314) de la bonega verko de S-ro Gautherot (la Question de la Langue auxiliaire internationale, Paris, Hachette, Sm. 1,40) tradukis S-ro L. E. Meier. Krom 2-3 eraretoj (ekz. p. 15, l. 2 kaj p. 16, l. 1), la traduko estas ĝenerale ĝusta kaj ĝi instigos la legantojn de ĉi tiu ĉapitro, ke ili legu la tutan originalan libron.

* *

*Prof-ro Marcel Finot.* — **Vidaĵoj de Senlimo**, originala traktato. — 10 spesdeka Biblioteko Esperantista N-ro 5-a. — Esperanto-propaganda-instituto Leipzig.

Tiu 24 paĝa verketo konsistas el tri ĉapitroj, kies sugestiaj titoloj estas: la Ĉielo — la Steloj — mirindaĵoj de l'Suno. Dank'al la simpleco kaj klareco de majstra stilo, eĉ la personoj ne instruitaj pri kosmografio tre facile komprenos kaj plezure, eĉ emocie, legos tiujn altinteresajn paĝojn. Estas por la spirito vere superĉarma ĝuo traflugi la senliman spacegon sub la lerta gvidado de profesoro M. Finot. La ĵuseginto plendos, ne pri senlimeco de l'traflugado. sed nur pri la troa mallongeco de l'gvidlibro.

* *

*John Ruskin.* — **La Reĝo de la Ora Rivero aŭ La Nigraj Fratoj**, trad. Ivy Kellerman. Esperanto Verlag Mœller kaj Borel. Berlin. Prezo : Sm. 0.10.

Bonega traduko de ĉarma fabelo de Ruskin. Mian laŭdon mi pravigas per la jena citaĵo (p. 5) : « Pratempe en kaŝita kaj monta parto de Stirio estis mirinde kaj abunde produktema valo. Ĝi estis tute ĉirkaŭata de krutaj kaj ŝtonplenaj montoj, leviĝantaj en pintoj, kies altaj suproj estis ĉiam neĝkovrataj. De tiuj malsuprenfalis multaj torentoj, en senĉesaj kaskadoj. Unu el ĉi tiuj falis okcidenten, trans la flanko de krutegaĵo tiel alta, ke post kiam la suno jam subiris al la cetera mondo, kaj ĉie malsupre mallumiĝis, la sunradioj ankoraŭ brilis rekte sur tiun kakadon, tiamaniere ke ĝis similis oran pluvon. Tial la ĉirkaŭa popolo nomis ĝin la Ora Rivero. »

Rimarkoj : p. 6, senpago de la domo (el da domo), p. 8. gastigi ion (iun), p. 26, nenion da (neniom), p. 28, estis direktitaj (direktataj ?), p. 33, supriziĝis (surpriziĝis), p. 34, petigis (petegis), p. 36 skuis ili (ilin), p. 40, vinujoj (vinberujoj, vinberejoj).

* *

**Aliaj ricevitaj verkoj.** — L'échec de la délégation pour l'adoption d'une langue auxiliaire internationale. Recueil de documents. — Paris, *Office Central Espérantiste*, 51, rue de Clichy. Prezo (ne montrita).

*H. Hodler.* — **Der Esperantismus.** — Universala Esperantia Librejo. Bœrsenstrasse 10, Genf (Schweiz). — Preis : 20 Pfennig.

**A Vilagnielv Kerdése.** — Irta Kozma Janos. Ara 20 filler. Szerencs Nyomatott Simon Jozsef Ronyvnyomdajaban. 1911.

**Esperanto Handboekje.** — Prinsestraat 48. S'Gravenhage. (Propaganda broŝuro). Prijs : van 10-24 ex. 3 1/2 cent.

A. A. Saĥarov. — **Signifo de akciaj societoj** por la Esperanta movado. — Moskva librejo Esperanto. 26, Moskvo Rusujo. Prezo : Sm. 0,05

**English as an international language**, by prof. *Albert-Léon Guérard*, reprinted from the popular Science Monthly, october 1911. — Universala Esperanto-Asocio, 10, rue de la Bourse, Genève (Svisujo).

MUZIKO

**La himno esperantista** de l'majstro L.-L. Zamenhof, muziko de Wolfgang Schaumburg, Leipzig, Schaumburg-Fleischer's Verlag. Prezo : 1 Sm.

**Himno Espero**, melodio por Soprano aŭ Tenoro, poezio de L.-L. Zamenhof, muziko de Henri Coppet, Vendebla ĉe la aŭtoro, 179, boulv. Pereire, Paris (17e). Prezo : 0.60 Sm.

**Saluto al Belgujo, poezio** de H. Menalda, muziko de F. de Ménil. Eldonejo « Espero », Prinsestraat, 98, Hago (Nederlando). Prezo : 0.40 Sm.

**Al Montmartro**, himno, poezio de J.-C. Chaigneau, muziko de F. de Ménil. 51, rue de Clichy, Paris. Prezo : 0.10 Sm.

VERTO.

# ESPERANTISMO

### AL NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo ». Ne necese estas skribi leterojn : plej ofte sufiĉas poŝtkarto. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed komprenеble ni devos kelkfoje resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al helpontoj la precizecon ; ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj ĵurnaloj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton, la nomon de la urbo, kie ĝi aperas, kaj resuman enhavon de l'artikolo. Plue, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al nia redakcio kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiela reklamo ne estas vana por la sukceso. Senutile diri, ke ni poste danke ricevos iom detalan raporton pri tiaj manifestadoj de nia vivado. Ĉiuj korespondaĵoj devas alveni antaŭ la *12*ª kaj *27*ª de ĉiu monato al la adreso : « Esperantio », rue de la Bourse, 10, Genève, Svislando.

## ONI KONGRESAS !

**La unua kongreso de Galiciaj Esperantistoj** okazis la 4-an. kaj 5-an. de novembro en Lwow, ĉefurbo de Galicio. En la kongreso partoprenis reprezentantoj de ambaŭ nacioj loĝantaj en Galicio, Poloj kaj Ukrainanoj; ĉeestis ankaŭ delegito de German-Aŭstria Esp.Ligo el Wieno.

La kongresanoj kunvenis unuan fojon la 4-an. postagmeze en la salonoj de Teĥnologia Instituto, apartenanta al komerca kaj Industria Ĉambro, kie oni aranĝis belan esp. ekspozicion, en kiu la organizintoj sukcesis kolekti sufiĉe multe da materialo, por klare montri la nunan disvastiĝon de Esperanto kaj ĝiajn plej diversajn aplikojn.

Vespere okazis en salono de ĉi-tiea Esp.-Societo amuza vespero kun propaganda prelego, deklamaĵoj, kantoj kaj scenprezentado.

La agadajn kunsidojn, kiuj okazis dimanĉe, la 5-an. de nov., en salono de Teĥnologia Instituto, prezidis S-ro D-ro. Godlowski (Del. U. E. A., en Lisko) kaj Pastro Szurek. Oni diskutis pri la aranĝota oka kongreso en Krakow kaj fiksis jam nune kelkajn detalojn de ĝia programo. Inter aliaj oni decidis prezenti en urba teatro la tragedion de Slowacki « Mazepa » kaj, se eble, ankaŭ la operon de Moniuszko « Halka », anbaŭ en esperanta traduko de S-ro Grabowski. La kongreso decidis inviti la episkopon de Lwow, pastron Bandurski, unu el la plej gloraj polaj oratoroj, por prediki en katolika diservo dum la oka. Lia Episkopa Moŝto akceptis afable ĉi tiun inviton kaj firme promesis prediki dum katolika diservo.

Oni multe ankaŭ parolis pri tio, kiamaniere rondirigi la esp., ekspozicion tra tuta Galicio dum la alproksimiĝanta vintro, tiel ke ĝi ĵus antaŭ la Universala Kongreso troviĝu en Krakow.

Plej grava decido de la kongreso estis, ke la jam ekzistantaj grupoj kaj societoj fondu « Galician Ligon de Esperantistoj » al kiu povus aparteni Esperantistoj de ambaŭ nacioj loĝantaj en Galicio. Oni elektis specialan komitaton por studi projekton de la Ligo.

Inter aliaj priparolitaj aferoj ni notu la proponon pri esperantaj afiŝoj snrgluotaj en vagonaroj ; post klarigo de S-ro. Rudnicki, distr. delegito de U. E. A. en Krakow, kiu montris tiaspecan afiŝon eldonitan de U.E.A. en Ĝenevo, oni transdonis la proponon al la Delegitoj de U. E. A., en Distrikto : Galicio.

La kongreso finiĝis per parolado de pastro Szurek, en kiu li tre bele kaj elokvente priskribis siajn impresojn de Katolika Haga kaj Universala Antverpena kongreso. — B. H.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Villarroya de la Sierra* (Hispan.) ; prezidas S-ro instruisto Jozefo Ortigas. — J. O.

*Bulgarujo.* — La nove proklamita « Bulgara Esp. Societo » komencis funkcii de la 15 oktobro. Ĝia estraro konsistas el S-roj : G. Aktarĝiev, prez. ; G. Atanasof kaj G. Nikolov, vicprez. ; At· Atanasof, sekr. ; Milĉo Georgiev, kas. ; Iv. Nenov, bibliot. ; St. Minkov, R. Bojaĝiev, M. Hristov, konsilantoj. La Societo per manifesto invitis ĉiujn bulgarajn samideanojn aliĝi por komuna laboro. Unu el ĝiaj propagandrimedoj estas la eldonado de periodaj flugfolioj disdonataj pofaske al la membroj, kiuj mem disdonados ilin al la interesiĝantoj. — G. A.

En *Leutkirch* (German.). (Vidu « kunvenoj »). — D.

En *Decazeville* (Aveyron, Franc.) kie baldaŭ malfermiĝos kurso. — G.

En *Van* (Turkujo) sub la direktado de S-ro E. T. Mirktiĉjan, armena grupo. — G.

Insulo Kuba : en *Matanzas* (Prez. S-ro. Fiol) kaj en *Habana* : vegetarana klubo, per la klopodoj de la S. K. P. E. — A. C.

En *Changchowfu* (Amoy, Ĥinujo). fondita de Esperantianoj. Prez. : S-ro. P. C. Song, Danke akceptas ĉiajn propagandaĵojn. — K. Ĉ. Ŝ.

**Novaj kursoj.** — En *Villarroya de la Sierra* (Hispan.) ĉe la vespera nacia lernejo, de S-ro J. Ortigas. — O.

En *Luhaĉovice* (Bohem.), tuj post grandsukcesa parolado de S-ro Parrish (9 novembro) ; la 1 decembro komenciĝis speciala kurso por policanoj. La loka grupo havas 86 membrojn. — J. M.

En *Scheweningen* (Nederlando), la 1 nov., ĉe la « Federacio de la Tramvojistoj » ; partoprenas 29 oficistoj. Organizanto estas la grupo « Ĉiam Antaŭen ». — W. B.

En *Stokholm*, instruas S-ro Nylen, ĉe la societo « Internationalis Concordia ». — J. L.

En *Maranaho* (Brazil.) unu ĉe la liceo, alia ĉe la Normala Lernejo. — G.

En *Para* (Brazil) ĉe la societo « D. Baeno », ĉe la Instituto « Civico Juridico » kaj ĉe la « Union Espanola ». — G.

En *Limoges* (Franc.). Ĉe la junulina kolegio, kaj dua ĉe la Junulina Normala Lernejo. — L.

En *Münster* (German.) kun 25 partoprenantoj ; gvidas nia Del., S-ro. O. Marquard. — M.

En *Mannheim* (3 diversgradaj, 32 lernantoj. — K.

En *Matanzas* (Kuba, Ameriko). Ĉe la Provinca Instituto. — A. C.

En *Capodistria* (Aŭstrio). La 19 nov. Ĉe la normala lernejo ; gvidas S-ro. D. Cossaro, 45 lernantoj. — C.

En *Trieste* (Aŭstrio) 6 nov., ĉe la laborĉambro ; instruas S-ro. D. Cossaro. — 7 nov. : malfermaj paroladoj de du publikaj kursoj en la supera teknika lernejo de San Giacomo kaj en la gimnastikejo de la vojo Giotto ; gvidas D-ro. A.Ghez.

**Kunvenoj kaj festoj.** — En *Gœttingen* (German.) La Liberstudenta Esperanto-Sekcio remalfermigis la 8 nov. kun 9 membroj. Kunveno : Thüringer Hof. — H. S.

En *Harmanli* (Bulg.) la grupo rebalotis la komitaton ; prez. : S-ro Kirilov ; sekr. : S-ro M. Zidarov ; vic-pr. : S-ro Velev. Estas plie elektita propaganda komisiono. — P.

Al *Leutkirch* (Württemberg, German.) organizis propagandan ekskurson la grupo en Memmingen. Paroladis S-ro

Regnet pri Esperantismo kaj S-ro Dippner pri U. E. A. Nove grupo fondiĝis. Favoraj raportoj en la gazetoj. — W. D.

En *Rosny-sous-Bois* (Franc.) la 8 okt., jara festo de la grupo pro la malfermo de la kursoj. — M. G.

*Parizo.* — Okazis la 12 novembro, ĉe la granda amfiteatro Richelieu en la Sorbonne, solena disdonado de la premioj de la esp. konkursoj organizataj de la grupo pariza. Prezidis S-ro Loreau, estro de la « Banque de France », kiu post raporto de S-ro C. Bourlet, prezidanto de la grupo, pri la ĝenerala agado dum 1911, faris interesan paroladon, esprimante sian fidon al Esperanto kaj sian esperon pri baldaŭa venko kaj sukceso. Ankoraŭ ĉeestis S-roj Rollet de l'Isle, prez. de la S. F. P. E., G-alo Sébert, ano de la Franca Instituto ; S-ro Archdeacon, vic-prez. de la nacia aeronaŭtika Ligo ; barono de Ménil ; S-ro M. Génermont, Del. U. E. A. S-ro G. Chavet, D. Del. U. E. A. ; Sub-Del. kaj konsuloj de la pariza regiono ; reprezentantoj de la gazetoj *Excelsior*, *l'Aéro*, *Le Petit Parisien*, *Le Matin*, *Daily Mail*, k. t. p.

Dudekkvar laŭreatojn aplaŭdis ĉeestantaro da almenaŭ kvincent personoj. Gravaj francaj societoj estis sendintaj diplomojn al kelkaj propagandistoj : nia sindonema konsulino F-ino Royer ricevis la oran medalon de la Nacia Societo por la kuraĝigado al la Bono. La muziko de la 46-a de infanterio ludis interalie « La Espero », kiun stare aŭskultis kaj aplaŭdis la aŭdantaro, dum la fotografistoj de *Excelsior* faris kliŝajojn de la kunveno. — G. R. M.

*Grasse.* — Lastan sabaton 11-an. de novembro, okazis la unua vintra kunveno de la tiea grupo. Ĉedesto de S-ro Kolonelo Matton de la franca ambasado en Petersburg. Membro de lingva Komitato, kaj Honora Prezidanto de la Grassea Grupo, honorigis nian Kunvenon. Li parolis pri utileco de Esperanto kaj afablege donis al ni multe da kuraĝigantaj konsiloj, kiuj, ni esperas, stimulos la tieajn samideanojn pli propagandi pri nia lingvo. J. B.

En *Kamienskoje* (Rus.). 5 nov., dancvespero kun diversaj deklamoj kaj muziko ; parolado de S-ro. I. Bojanowski pri « Esperanto : ĝia naskiĝo, disvoliĝo, signifo por internaciaj rilatoj ». — Z.

**Paroladoj.** — En *Münster* (German.). S-ro. E. Stark, la 4 nov., okaze de esp. ekspozicio organizita de la loka grupo. O. M.

En *Limoges* (Franc.). 9 nov., S-ro. Duris, prez., de la grupo, ĉe la « Junulina Kolegio » ; 15 nov., la sama S-ro ĉe la « Junulina Normala Lernejo », ĉeestis krom la lernantinoj ĉiuj profesorinoj kaj la Akademia Inspektoro. — 16 nov. : ĉe la grupo, S-ro. Lamant pri Esperantismo kaj U. E. A. — L.

En la grupo *Kopenhago* (Danujo) pri U. E. A., S-ro. A Hanser, Del., la 16 nov. — H.

En *Mannheim* (German.). 10 nov., S-ro. Kohan, pri U. E. A. La 23 nov., S-ro L. Istel, ĉe la komercista Unuiĝo pri « Bezono de L. I.. kaj ĝia solvo per Esperanto. Plie, ekspozicieto. — K.

En *Trieste*, ĉe la laborĉambro, D-ro. A. Ghez, 4 nov.

**Paroladvojaĝo de S-ro. Parrish.** — Laŭ la informoj kiujn ni ricevas pri la paroladvojaĝo de S-ro. Parrish, la vojaĝo estas plena sukceso. La praktikeco montras al la skeptikaj homoj, ke Esperanto jam nun taŭgas, kaj la grupoj, kie S-ro Parrish paroladis, sciigas al ni, ke ili per tio gajnas pli da lernantoj ol per pure propagandaj paroladoj. Ni tre ĝojas pri tiuj informoj, kiuj montras, ke ni iras la ĝustan vojon. Espereble la paroladvojaĝo de nia konata « Paroladisto » Privat estos akompanata de sama sukceso. Kiu deziras specialajn informojn pri *ambaŭ* vojaĝoj skribu kiel eble plej baldaŭ al nia Centra Oficejo.

**Esperantiaj Distriktaj kunvenoj.** — *Bavarujo.* — 15 oktobro, sub la prezido de S-ro. Maurer, distrikta Del. Malfermante, S-ro Maurer konstatas, ke la stato de U. E. A., en la distrikto estas kontentiga kaj ke ĝenerale la agado de la Del. estas fervora. La membraro atingas 216, kaj Bavarujo okupas la duan vicon en la 84 distriktoj. Tiu fakto instigu ĉiujn al plua sukcesa laboro. Jen estas la ĉefaj decidoj alprenitaj de la kunveno :

Ĝi esprimis la deziron, ke en ĉiu urbo de pli ol 20.000 loĝantoj la distrikta Del. klopodu por elekti Del. S-ro. Maurer estis unuanime konfirmita kiel distrikta Del. La kunveno instigas ĉiujn Del. eldoni gvidfolion. Firma decido pri la distrikta afiŝo estas prokrastata.

La jena rezolucio estis unuanime akceptita :

La bavaraj delegitoj kunvenintaj en München por jara kunveno sendas al la Komitato kaj Centra Oficejo de U. E. A., la plej sindonemajn salutojn kun promeso de fervora laborado dum la jaro.

Post diversaj raportoj de la Del. pri la stato de U. E. A., en ilia regiono, la kunveno estis finita.

**Esperantiaj Regionaj Kunvenoj.** — *Troyes.* — 5 novembro, okaze de la federacia kunveno de l'Aube. S-ro. Muzard raportis pri la agado de la Asocio kaj klarigis la celon de U. E. A., kiu enhavas la estontecon mem de Esperanto. Li instigis la varbadon de aprobantoj, por plibonigi la staton de la regiona kaso, kaj de Entreprenoj. Poste li raportis pri la Sepa Kongreso kaj la projekto de U. E. A., pri organizo, sekve de kio la kunveno unuanime akceptis la tagordon, kiun oni povos legi en alia parto de tin ĉi gazeto.

*Saint-Chamond.* — 22 oktobro. Post la kutima raporto de la Del., S-ro Farlay proponis, ke oni faru monkolekton en Saint-Chamond por sendi delegiton al la kongreso de Krakovio. Reveninte tiu delegito devos Esperante paroladi pri la kongreso kaj la servoj de U. E. A., dum lia vojaĝo. Tiu propono estis unuanime akceptita.

*Magdeburg.* — 31 oktobro kun plena sukceso. S-ro. Rockmann donis interesan raporton pri la nuna stato de U. E. A. kaj pri la servoj plenumitaj de li. Li klarigas la sintenadon de U. E. A , rilate al la Organiza demando kaj respondas al diversaj neĝustaj informoj. La kunveno plene aprobis la agadon de la Del. Ĉar S-ro Rockmann deziras sin dediĉi speciale al la stato de distrikta Del. por Centra Germanujo, la kunveno elektis S-ron Goering kiel Del., kaj Rockmann kiel Vicdel. Post la kunveno oni sukcesis varbi jam tri subtenantajn membrojn.

*München.* — S-ro Krumbach raportis pri la multenombraj servoj faritaj de la Del., kaj la stato de U. E. A.. en la bavara ĉefurbo. Ĉar la ĝisnuna Del. ne akceptis reelekton, la kunveno balotis S-ron Tressel kiel Del., kaj Maurer kiel Vicdel. S-ro. Tressel dankis pro la elekto kaj poste transdonis la parolon al S-ro Fleck, kiu faris tre ŝatitan paroladon pri historio kaj signifo de U. E. A.

## DIVERSAĴOJ

.*. *Grava sukceso de Esperanto.*

Ĵus aperis la oficiala raporto pri la en aŭgusto okazinta raskongreso en Londono. Oni plene raportas pri la faritaj paroladoj, el kiuj tiu de nia konata samideano Pollen elvokis grandan aplaŭdon. Al lia fervora agado ni ĉefe dankas la akcepton de jena rezolucio :

La unua universala raskongreso, konsiderante, ke ĝi celas alproksimigi la diversajn rasojn kaj naciojn de la mondo por pli bona komprenado kaj reciproka estimado, kaj tiel helpi al la plibonigo de la homaro, opinias, ke por tio absoluta unua kondiĉo estas, ke la diversaj rasoj kaj popoloj posedu krom siaj naciaj lingvoj duan lingvon, neŭtralan kaj komunan por ĉiuj, en kiu ilia individua spirito povos esprimiĝi, kaj kiu servos kiel spegulo de la universala konscienco ; kaj, ĉar la kongreso opinias, ke tia lingvo ne plu estas projekto, sed finita fakto, tial ke Esperanto estas tutmonde parolata de plej diversklasa elito, ĝi esprimas la deziron, ke ĝiaj membroj lernu kaj propagandu la internacian lingvon Esperanto, formu en siaj rondoj kaj landoj Esperanto-grupojn kaj societojn ; kaj postulu de siaj registaroj la enkondukon de Esperanto en la lernejojn.

La rezolucio estas subskribita de :

H. Lafontaine (Belgujo), Alfred Hermant (Francujo), Lucia Ames Mead (Usono), D-ro W. E. B. Du Bois (Usono), Anna Zippernowsky (Hungarujo), Fr. Fleck (Germanujo), Hadji Mirzayaha (Persujo), D-ro H. D. Dhizunez (Polujo), F. Moschèles (Anglujo), Generalo Legitime (Haiti), Oskar Browning (Anglujo), Chedo Miyatovich (Serbujo), R. Hatkowsky (Rusujo), Prof. Kræuterkraft (Italujo), D-ro A. Majid (Hindujo), F-ino S. de Boulogne (Francujo).

.˙. *Imitindaj Ekzemploj* :

Ni ricevas jenan ĝojigan leteron de nia D., S-ro Mahn el *Breslau* : « Kvankam mi havas nur kotizsumon por simplaj membroj, mi tamen notis la plue pagitan sumon kiel kotizon, ne kiel donacon, por povi enkasigi la venontan jaron la samajn kotizojn. Mi petas do nian financministron pardoni la al li per tio kaŭzitan pli grandan laboron ; sed vi vidas, ke niaj membroj havas principe la volon helpi laŭpove starigi nian Asocion sur pli fortajn krurojn ». La letero estas akompanata per jenaj membrolistoj : 5 Subtenantoj po 2 Sm., 1 membro po 1.50, 12 membroj po 1, 10 membroj po 0.75, 10 membroj po 0.50.

Kiel oni vidas pli ol la duono pagis pli ol la devigan kotizon.

Ni publike dankas al ili kaj al nia Del. kaj esperas, ke multaj aliaj Del. imitos tiun ekzemplon. Ni tre ĝojas konstati, ke niaj membroj tiel bone komprenas la utilon de nia Asocio.

.˙. Alia ĝojiga informo venas de nia Del. K. Ĉ. Ŝan el Shanghaï :

En Changchowfu (Amoy) estas fondita grupo, kaj ĉiuj membroj tuj aliĝis al U. E. A. La grupo de Moukden, kiu fondiĝis antaŭ 7 monatoj havas pli ol tri cent lernantojn. La geaktoroj de la tiea teatro ludas ĉiutritage por la pligrandigo de la grupa kaso, ĉar la grupo ricevas la enspezojn de la rilataj tagoj. Ne mirinde estas pro tio, ke la regiono Moukden kun 82 membroj por 1912 marŝas nun je la pinto kaj ni petas niajn Del., ĉi tiun bonan « flavan danĝeron » egaligi per samaj ciferoj. Por la Centra Oficejo la afero ne estas tro facila, diferencigi la nomojn, kiuj preskaŭ ĉiuj komenciĝas per « ĉ » (ni dankas, ke ni havas la supersignojn kaj ne bezonas uzi la literon « ch », kiu estus duoble konfuziga ĉe tiaj nomoj) kaj finiĝas per « n ». Ni prezentas al niaj samideanoj kelkajn Esperantianojn el tiu malproksima lando : S-roj Ji Ĝi, Cen Ĉin En, Cen Cuo Ji, Ĉen Lie Tue, Jan Ĉin Cin, Cen Cun Hien, Cen Mu Uon, Ĝen Min, ktp., ktp. La plej multaj estas instruistoj kun siaj lernantoj aŭ komercistoj. Eble ni iam sukcesos gajni samideanon el tiuj regionoj, por fari saman paroladvojaĝon kiel nun faras nia samideano el la alia parto de la mondo, S-ro Parrish el Los Angeles.

Nia Del. en Shanghaï eldonas depost nun propagandrevueton : « La mondo ». Sendube ĝi estas bona propagandilo por niaj samideanoj, kaj ni petas ilin mendi laŭ la anonceto de S-ro. Ĉ. Ŝan (vidu Petoj kaj Proponoj de ĉi tiu numero.)

.˙. En *Encantado* (Rio-de-Janeiro), nia Del., S-ro Querino de Olivera varbis jam 65 membrojn por 1912, 8 Esperantiajn Entreprenojn kaj 15 abonantojn de « Esperanto ».

.˙. En *Cape Town* (Sud-Afriko), nia Del., S-ro Clark jam varbis 37 membrojn. El tiuj kelkaj ekzemploj, oni vidas, ke U. E. A. disvastiĝas ne sole en Eŭropo, sed en la plej diversaj anguloj de la terglobo. Ĉe kiom da Asocioj la vorto « universala » estas pli vera ol ĉe U. E. A. ?

## TRA LA GAZETARO

.˙. *La Ondo de Esperanto* (5 nov. 1911) citas 25 rusajn ĵurnalojn, kiuj enpresis favorajn artikolojn pri nia afero ; ĝi aldonas :

Trarigardinte la supran liston vi renkontos plej diversajn gazetojn, konservativajn kaj radikalajn. Vi renkontos ankaŭ ĵurnalojn por infanoj. specialajn ĵurnalojn, k. t. p. Multaj el ili presigis artikolojn ne unufoje, sed en kelkaj sinsekvaj numeroj. Ĉio ĉi montras, ke Esperanto penetris en ĉiujn regionojn de la vivo, ke ĝi fariĝis jam « kutima fenomeno. — S. Obr.

.˙. Pri *Espero Katolika*, oficiala organo de « Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista », Esperantia Entrepreno. Tiu ĉi bonekonata revuo nun apartenas al novaj posedantoj. Abonantoj kaj abonontoj sin turnu estonte al la nuna redaktoro : S-ro. D-ro. Smulder, Schijndel, Nederlando. La nova administracio volas absolute certigi, ke estonte la ĵurnalo tre regule aperu ; ĝi zorgos, ke la artikoloj estu gravaj kaj interesaj. — Abato Richardson, Direktoro ; D-ro. Smulder, Redaktoro.

.˙. Nia bona kunfrato *La Movado* nun aperas kun 16 paĝoj, lerte redaktata de S-ro Houbart, komerca konsulo de U. E. A. En la novembra numero : interesplena artikolo de S-ro di Rienzi, pri la kongreso, opinioj de S-roj Richard, W. Ramsay, Mons, Giambene ; komercaj, turismaj, sportaj, artaj kaj sciencaj artikoloj. — G.

.˙. Dum la du lastaj monatoj, *naŭ* gazetoj de Kuba (Ameriko) publikigis priesperantajn artikolojn. — A. C.

.˙. En Trieste : *Corriere Adriatico* (8 nov.) kaj *Piccolo* (8 nov.) raportas pri la malfermaj paroladoj ; *Corriere Adriatico* (6 nov.), *Piccolo* (5 nov.), *Illustrazione Adriatico Trentina* (11 nov.), recenzas la broŝuron «Pejzĝajoj en Aŭstrio ». — G.

.˙. En *Courrier de Vevey* (Svis.). 31 oktobro' pri la ekspozicio de la grupo. Granda reklamanonco pri la kurso. — C.

.˙. En *Feuille d'avis de Vevey* (Svis). 3 nov., pri Esperanto laŭ literatura vidpunkto. — A. C.

.˙. *El Universal* (Caracas. Venezuelo) 2 nov., granda artikolo pri U. E. A. — J. A. P.

.˙. *L'Avenir Savoyard* (Annecy, Franc.). 9 nov. anoncas tri kursojn de la grupo.

.˙. *Norske Intelligenssedler* (Kristiania). 9 nov., pri U. E. A.

.˙. *Arbetarbladet* (Gefle, Sved.) regule publikigas kronikojn pri la Esperanto-Movado. — Jl L.

.˙. *Illustrerad Veckojournal* (Gœteborg, Sved.) en sia Nº 41 vigle rekomendas Esp. por kolektantoj de poŝtkartoj. — J. L.

.˙. En *Bulletin des Coopératives socialistes de consommation* (novembro) Parizo, favora artikolo pri « l'Internationale enfantine et l'Esperanto ». — S.

.˙. La *Horizonto* (Tiflis) la plej legata kaŭkaza gazeto regule publikigas priesperantajn artikolojn de S-ro Haĵijan. — M. G.

.˙. A *Bandiera*, brazila gazeto publikigas kurson kaj informojn pri nia movado. — G.

.˙. En *Gazette de Boulogne* (Franc.) favora artikolo de nia Sub.-del. S-ro Chantaz. — G.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

### OFICIALA INFORMILO

**Proponoj.**

*S-ro F. Mally*, Del. Gœrlitz, proponas modifi la Statuton de U. E. A. tiel ke la kotizajo estu malaltigata ĝis 25 Sd., sen jarlibro.

En la Jarlibro estus enskribataj ne nur la Del., sed., ĉiuj membroj de U. E. A ; ĝi estus vendata po 60-70 Sd.

S-ro Mally pravigas sian proponon per la jenaj kaŭzoj : « Multaj membroj pretendas, ke la Jarlibro ne estas interesa, se ĝi ne enhavas ilian adreson. Sciinte, ke la propra adreso ankaŭ aperos en la jarlibro, ili ne nur pagos 25 Sd., sed ankaŭ la prezon de la libro. Kiu ne volonte legas sian nomon ? Ni certigas, ke ni tiamaniere gajnos multe pli da membroj, kio estas ja la ĉefa afero ».

Konforme al § 52 de la Statuto, tiu propono estos submetata al la ĝenerala voĉdonado, se pli ol la kvinono de la Delegitoj voĉdonrajtantaj ĝin skribe postulos, en tempolimo de 60 tagoj.

∴ La Centra Oficejo de U. E. A. informas, ke la propono de S-ro *Konstantopulos*, publikigita en N-ro 107 (20 Aŭgusto) ne ricevis aprobon de la kvinono de la voĉdonrajtantaj Delegitoj, konforme al § 53 de la Statuto. Konsekvence la dirita propono ne estos submetata al la ĝenerala voĉdonado.

**Regionaj kunvenoj.**

Ni rememorigas al niaj Del., ke konforme al la Statuto regiona kunveno devas okazi prefere en novembro aŭ decembro en ĉiuj regionoj, kie estas almenaŭ 20 Esperantianoj. Ni petas, ke post ĉiu tia kunveno oni bonvolu tuj sendi al ni kopion de la protokolo, subskribita de du ĉeestintoj. Blankajn protokolfoliojn ni laŭdezire senpage sendas al la Del.

**Oficiala Jarlibro.**

Por respondi al diversaj demandoj, ni denove rememorigas, ke la Oficiala Jarlibro (eldono 1912), presata dum novembro kaj decembro, estos sendata al la Esperantianoj pagintaj la kotizajon, en la komenco de Januaro. Sendi ĝin pli frue ni ne povas, unue ĉar la presado, korektado kaj kompletigo de la Jarlibro postulas sufiĉe multe da tempo, due ĉar ni deziris doni sufiĉe da tempo al niaj Del. por varbi Esperantiajn Entreprenojn.

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 15-a de Novembro estis enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E. A. *1052* kotizajoj por 1912.

La jenaj regionoj atingis pli ol 20 membrojn : *Berlin, Breslaŭ, Danzig, Godesberg, Kœnigsberg, Kristiania, London, Magdeburg, Marseille, Noweselo, Petropolis, Schweidnitz* kaj *Worcester*. Jam pli ol 50 membrojn atingis la jenaj regionoj : München, Rio de Janeiro, Sevilla kaj Shanghaï.

*Fakaj membroj :*

Interŝanĝa Fako 53 ; Laborista Fako 12 ; Virina Fako 22.

**Financoj**

*Subtenantoj membroj* (1-a listo) :

1. *F. de Casteljau* (Avignon) ; 2. *Fr. A. Goodliffe* (Letchworth) ; 3. *W. A. Vogler* (Hamburg) ; 4. *Vl. Tihomirov* (Lublin) ; 5. *H. Huttin* (Bourg) : 6. *A. Godlowski* (Lisko) ; 7. *D. Rhys Jones* (Kardifo) ; 8. *Delahaye* (Cérisy-la-Salle) ; 9. *I. H. Wright* (Northampton) ; 10. *J. Aldaz* (Pamplona) ; 11. *H. Shaw* (Leabrooks) ; 12. *Schauenberg* (Winterthur) ; 13. *Tr. Soriano* (Sevilla) ; 14. *J. Ma Soriano* (Arahal), 15. *J. Gelibter* (Zamosi) ; 16. *Al. Veitcler* (Rostov na Donu) ; 17. *P. Blaise* (London) ; 18, *P. Stanisic* (Vinkovci) ; 19. *B. Luis* (Dusseldorf) ; 20. *C. Trananhof* (Düsseldorf) ; 21. *A. Krastin* (Jurjevskij Zavod) ; 22. *G. Dobrjinskij* (Jurjevskij Zavod) ; 23. *G. Jameson Johnston* (Dublin) ; 24. *S. Douglas* (Dublin) ; 25. *S-ino Douglas* (Dublin) ; 26. *A. P. B. Grant* (Kingston) ; 27. *C. F. Blakham* (Dublin) ; 28. *O. Graeger* (Magdeburg) ; 19. *R. Rockmann* (Magdeburg) ; 30. *J. Michaelis* (Magdeburg) ; 31. *At. D. Cirkoff* (Pleven) ; 32. *A. Robb* (Redborn) ; 33. *L. A. Allabena* (Bordighera) ; 34. *D. Balars* (Kassa) ; 35. *M. Pearson* (Sheffield) ; 36. *N. D. Zjenin* (Egorjevsk) ; 37. *Souchay* (Paris) ; 38. *E. R. Blackett* (Bath) ; 39. *Ch. Brunet* (Bordeaux) ; 40. *Fr. Bilbao* (Laŭkiniz) ; 41. *H. Clegg* (London) ; 42. *A. Joziciĉ* (Kostajnica) ; 43. *G. Saccardi* (Siena) ; 44. *H. L. Spahr* (Breslaŭ) ; 45. *H. Geldner* (Breslaŭ) ; 46. *E. Zepler* (Breslaŭ ; 47. *G. Mahn* (Breslaŭ).

Al ĉiuj, ni sendas koran dankon pro la helpo, kiun ili tiel alportas al nia Asocio.

LA DIREKTORO.

---

La *Centra Oficejo de U. E. A.*, deziras dungi *junulon* por administraj kaj diversaj oficejaj skriblaboroj. Bona kono de Esperanto kaj de franca aŭ germana lingvo estas postulata ; bona skribo. Sendi proponojn kaj kondiĉojn al : Esperantio, 10, rue de la Bourse, Genève (Svis.).

---

**Novaj Del. Vicdel. aŭ Subdel.**

ANNECY (Francujo, Haute-Savoie). — D : Dannmueller, Apotekisto, rue Sommelier. — VD : S-ino Perrenot, profesorino ĉe la liceo. (Restarigita).

AREZZO (Italujo, Arezzo). — D : Jacobo Meazzini, Campo — di — Bibiena. (Restarigita).

BEAUFORD WEST (Suda Afriko). — D : Matthew Deas, konstruisto.

BIRKDALE (Anglujo, Lancashire). — D : George W. Iddon, 26, Kent Road.

BUCARAMANGO (Kolombio, Santander). — D : Tuan F. Sarmiento, libristo. — VD : Adolfo Harker Mutio, komercisto.

BURGDORF (Svisujo). — D : J. Lehmann-Binder, fervoja oficisto. (Restarigita).

BURY (Anglujo, Lancs.). — D : Harry Ingham, instruisto, 26, Hamilton Str.

CARACAS (Venezuelo). — D : Marcello Maldonado, katolika pastro, Sur 6, N-o 124. — D : I. Alvarez Perez, Norte Uno 55-5.

CHATEAUROUX (Francujo, Indre). — D : Courham, 16, rue Jean-Jacques-Rousseau. (Restarigita).

COIMBRA (Portugalujo, Coimbra). — D : Eugenio Elyseu, Sta. Pedro Cardoso 50. — VD : Carlos Climaco Baptista, Quinta da Nazareth-Arregaça.

COUPAR ANGUS (Skotlando, Forfar). — D : Neil Lamont.

EKATERINODAR (Rusujo, Kaŭkazo). — VD : H. Janverk, Reprezentado kaj komisio, Karasuna kanalo 10.

ESSEN A RUHR (Germanujo, Rheinland). — VD : E. Wengler, Haumannsplatz 22.

FRANKFURT A. MAIN (Germanujo, Hessen-Nassau). — VD : Carl Barthel, Wœhlerstrasse, 14.

GUADALAJARA (Meksikujo). — D : A. Gomez-Cruz, Ap. 115.

HEBRON (Usono, Nebraska). — D : A. G. Wilson.

HEIDENHEIM (Germanujo, Württenberg). — D : Carl Meyer, Felsenstrasse 20.

JUIZ DE FORA (Brazilujo, Minas Geraes). — D : D-ro Paulino Bandeiro, r. Direita, 79.

KRASNIJ JAR (Rusujo, Zabajskala oblast). — SD : Innokentij Seriŝev, pastro, Selo Sergolĝin Krasnij Jar Verĥneudinskij Uezd.

MATANZAS (Antilioj, Cuba). — D : Jose F. Fernandes, Tirry 92.

MENTON (Francujo, A. M.). — D : Charles Siens, kuracisto, 27, Avenue de la Gare.

NECKARGARTACH (Germanujo, Wuerttemberg). — D : P. Merklo.

PANTIN (Francujo, Seine). — SD : Pierre Gaborry, 149, rue de Paris

PARIS (Francujo). — SD : Marseille, 136, avenue Parmentier. — SD : Gillet, 4, rue des Petits-Champs. — SD : Neau, 13, avenue du Père-Lachaise. — SD : Bollack, 95, avenue Victor-Hugo. — SD : Dupuid, 2, rue de l'Arc-de-Triomphe.

PERTH (Skotlando). — VD : J. M. Robb, tabakvendisto, Rockford Terrace.

POLSKA LUTINIA (Austrio, Schlesein). — D : Fr. Skulina, instruisto.

POTSDAM (Germanujo, Brandenburg). — VD : E. Markau, instruisto, Mangerstrasse, 60.

PRIEN (Germanujo, Bavarujo). — D : Hans Huebner, Kunposedanto de la « Priener Zeitung ».

PROVIDENCE (Usono, Rhode Island). — D : Henry S. Reynolds (Restarigita).

RICHMOND (Usono, Virginia). — D : S-ro J. B. Spiers, 301, Soutk Pine Str.

RIO DE JANEIRO (Brazilujo, Rio de Janeiro). — D : Qucrino de Oliveira, str. Murique, 25, *Encantado*, R.-d-J.

ROHOVA (Bulgarujo). — D : Mihail Krajev.

RORSCHACH (Svisujo). — D : Otto Haller.

SANKT INGBERT (Germanujo, Rheinpfalz). — VD : Anton Andre, komercisto.

SANKT' ANNA DO PIRAPETINGA (Brazilujo, Minas, Geraes). — D : Dr. Cætana A. Coutinho.

SEMILY (Aŭstrio Bohemujo). — D : Stanislav Nozicka, imposta oficisto.

SPANDAU (Germanujo, Brandenburg). — D : Arno Fischbach, preparisto, Mertensstrasse 1 1.

TRUTNOV (Austrio-Bohemujo). — D : Franz Dworak, ĉefkonduktoro de la fervojo, Niebelueenstrasse, 6.

VILLEMAUR-s-V. (Francujo, Aube). — VD : André Colombat, fervojisto, Stacidomo de Aix-en-Othe.

VILNA (Rusujo, Vilna). — VD : Josef Bacevič, str. Orenburgska, 31.

WILTON (Usono, Iowa). — D : D. H. Newton Lang.

WITHERNSEN (Anglujo, Yorkshire). — D : Arthur J. Turner, fervoja oficisto, « Gomerock », Lee Avenue.

WUNSIEDEL (Germanujo, Bayern). — D : Udo Ziegler, Ludwigstrasse, 238.

YORK (Anglujo, Yorkshire). — D : Tom Wilkinson, Butervendejestro, 1, Minister Gates York.

**Ŝanĝoj**

BEAUNE (Francuje, Côte-d'Or). — D : Jean Cyrot, 13, rue Thiers. — VD : E. Bord profesoro, Faubourg-Bretonnière.

CAMBRIDGE (Anglujo, Cambridgeshire). — D : John Cyprian Rust, pastro, Soham, near Cambridge.

CASTELNAUDARY (Francujo, Aude). — D : Ernest Salvage, 50, rue de l'Hôpital.

CHAMBÉRY (Francujo, Savoie). — D : Marie Joseph Evrot. licea profesoro, 8, avenue du Comte-Vert.

HABANA (Antilioj, Cuba). — D : Antonio Aleman Ruitz, Apartado 1324.

HALLE A. SAALE (Fermanujo, Prusa Saksujo). — D : Carl Renken, studento, Fleisbherstrasse, 30.

KARLSRUHE (Germanujo, Baden). — D : Hans Bode, Amalienstrasse, 27.

KIEW (Rusujo, gub. Kiew). — VD : Maksimo Romanenko, Malo-Vladimirskaja (Stolypinskaja), str. 26, loĝ. Kozlowski.

LE LOCLE (Svisujo). — D : Th. Roninger, Tourelles, 29.

MAGDEBURG (Germanujo, Prusa Saksujo). — D : Paul Gœhring, Salzwedelerstrasse, 4. — VD : Fritz Rockmann, urba instruisto, Klewitzstrasse, 12.

MEXICO (Meksikujo). — D : Samuel G. Meijueira, studento, Apartado, 139 bis. — VD : Alberto Bay y Dresch, studento, Apartado 1671.

NEVERS (Francujo, Nièvre). — D : L. Porte, 24, rue du Chemin-de-Fer.

NORTHAMPTON (Anglujo, Northampton). — D : Isaak H. Wright, Bonven-Duston, Amime.

OLOT (Hispanujo, Gerona). — D : Petro Roque, Pardal, 13.

PIRDOP (Bulgarujo, Sofia). — D : Jvan H. Krestanov, studento, Sofia, poste restante.

VALENCIA (Hispanujo, Valencia). — D : Perez Requena Luis, komersisto, C. San Miguel, 3. — VD : Manuel Caplliure, oficisto, Horno Hospital, 10-la.

VERONA (Italujo, Verona). — D : Americo Reni, librotenisto, Viale, Spolverini, 22.

WEIMAR (Germanujo, S. W. E.). — D : S-ino Luise Froherz, Wilhelmsallee, 47 I.

## PAROLADVOJAĜO PRI NOVA ZELANDO

Kio ? vi diras, ankoraŭ alia paroladvojaĝo ? Jes, kara leganto, ŝajnas ke estas nun epidemio de paroladvojaĝoj, kaj ke ili estas la plej ĝisdata modo en Esperantujo. Sed, legu plu, ni petas, kaj ni tuj klarigos al vi tiun novan simptomon de la febro.

Ricevinte promeson de la Oficiala Reprezentanto en Londono de la Nova Zelanda Registaro, ke li pruntedonos belan kolekton de lumbildaj kliŝoj por Esperantaj paroladoj pri Nova Zelando, S-ro J. A. Hodges, nia antaŭa Del. en Nottingham, intencas fari vojaĝon tra *Norda Francujo, Okcidenta Germanujo, Nederlando* kaj *Belgujo*, dum *Januaro, Februaro kaj Marto 1912*, por viziti la grupojn kaj fari paroladojn pri Nova Zelando en la diritaj regionoj.

La ĝeneralaj kondiĉoj por la prezentadoj estas : La organizantoj, klopodas havi taŭgan ĉambron kaj aparaton por lumbildoj, kaj ilin pagas, same kiel la ekspezojn de reklamo k. c. La bileto de eniro estas fiksata de la organizantoj je kiom eble plej malalta prezo. Oni pagas por la prezento mem Sm. 10, aŭ S-ro Hodges konsentos resti en unu loko kelkajn tagojn kaj fari plurajn prezentojn por la sumo de Sm. 20 (eĉ en angla lingvo se oni tion deziras). Se oni deziras aranĝi la aferon, sed pensas, ke tiuj kondiĉoj ne estas plenumeblaj en sia urbo, oni bonvolu tuj skribi al S-ro Hodges, dirante je kiuj kondiĉoj ĝi estus aranĝebla.

Ĉar tio estas ankoraŭ alia pruvo pri la utileco de Esperanto, kaj ni neniam devus preterlasi tiajn okazojn, estas la *devo* de ĉiu grupo kunlabori por la sukcesigo de tiu projekto, kaj speciale de la Del. de U. E. A. sub kies aŭspicioj ĝi estas aranĝata. Ni insiste petas, do, ke la grupestroj kaj speciale niaj Del. en la diritaj regionoj *tuj* rilatiĝu kun S-ro Hodges por aranĝi la prezenton en sia loko, por ke la vojaĝplano povu esti definitive starigita *kiel eble plej baldaŭ*.

Sendube la afero povus esti aranĝata, en kelkaj lokoj, ĉe la loka filio de la bonekonata Kristana Unuiĝo de Junaj Viroj (K. U. J. V.), de kiu S-ro Hodges estas membro ; aŭ, en aliaj lokoj, facile estus ĝin aranĝi ĉe iu lernejo, ĉar ĝi estas vere instrua afero eĉ sen la klarigo de bildoj. Plie, se fortepiano estas disponebla, S-ro Hodges kantos, inter la klarigoj de la bildoj, unu aŭ du Esperantajn tradukojn de bonekonataj anglaj kantoj.

Ni speciale atentigas pri tio, ke la vojaĝo povos okazi *nur se la invitoj estos sufiĉe multnombre ricevitaj*. Do, tuj skribu al S-ro J. A. Hodges. 85, LOUGHBOROUGH Rd, Nottingham, Anglujo.

∴

Nun, unu vorton pri la lando mem, kies belajojn k. c. oni prezentos. Kie estas Nova Zelando ? Ĝuste pri tio multe da personoj havas tre malklaran ideon ; ili ofte pensas, ke ĝi estas parto de Aŭstralio, dum, efektive, la distanco inter la du *memstaraj* landoj estas proksimume la sama kiel tiu de Liverpool al New-York.

Oni tre prave nomas Novan Zelandon la « Britujo de la Sudo » kaj la « Mirindujo de la Mondo ». Lando, en kiu oni havas ĉiuspecan pejzaĝon, de subtropika ĝis antarktika, kie troviĝas bolantaj lagoj, gejzeroj, vulkanoj, kaj montaro (Nomata Alpoj), kiu egalas iun en Eŭropo (neesceptante Svisujon), kaj kiu posedas fjordojn egalajn al tiuj de Norvegujo, ne povas nehavi intereson por ĉiu. La indiĝenoj, nomataj Maŭrioj (Maoris) estas tre interesa raso, speciale laŭ scienca vidpunkto, ĉar neniu ĝuste scias de kie ili devenis. Oni nur scias ke, laŭ iliaj legendoj, la originala hejmo de la raso estis nomata « Hawaiki », sed oni povas nur konjekti, kie ĝuste troviĝis tiu lando.

Estas fakto, kvankam ĝi estas apenaŭ kredebla, ke oni povas en Nova Zelando kapti fiŝon en malvarma lago kaj, nedekroĉante ĝin de la kaptilo, ĝin trempi en apudan bolantan fonton por ĝin kuiri. La sola malhelpo kontraŭ tiu kutimo estas, ke la bolanta akvo estas iom sulfurhava ! Sed, efektive, la Maŭrioj (antaŭ nelonge kanibaloj, sed nun tute civilizitaj) utiligas la bolantajn fontojn por boligi siajn kaldronojn.

Nu, ĉion tion, kaj pli (sen la fiŝkuirado !) vi povas vidi mem, invitante S-ron Hodges fari sian paroladon en via urbo.

## PRI LA ORGANIZA DEMANDO

∴ La jara regiona kunveno de la Esperantianoj en *Troyes* (Francujo) unuanime akceptis la jenan tagordon :

La ĉeestantoj de la kunveno de la Esperantianoj en Troyes, post ekzameno de la parolado de S-ro Holder ĉe la malfermo de la dua kongreso de U. E. A.

Opiniante :

1-e. Ke la Esperantistaro ne estas ankoraŭ sufiĉe grava por havi du internaciajn organizaĵojn ;

2-e. Ke U. E. A. jam pruvis sian utilecon kaj praktikecon de siaj servoj, kiuj estas ĉie kaj ĉiutage uzataj ;

3-e. Ke ofte estas tre malfacile diferencigi poresperantan kaj peresperantan agadon ;

4-e. Ke per kreo de nova internacia organizaĵo oni nur kreos konfuzon ;

Pro tiuj kaŭzoj tute aprobas la deklarojn de S-ro Hodler, la agadon de U. E. A., ĉe la Sepa Kongreso, precipe pri la solvo proponita de U. E. A. rilate al la Organiza demando.

Ili ankaŭ firme promesas fari ĉion eblan por subteni U. E. A., je ĉiuj okazoj (Subskribis P. Muzard kaj R. Petetin).

∴ Aliparte la regiona kunveno Esperantia de *München* voĉdonis la jenan tagordon :

« La Munĥenaj Esperantianoj, kunvenintaj en jara kunveno, sendas plej koran dankon al la Komitato de U. E. A. kaj al la Centra Oficejo pri la sindonema laboro farita dum la pasinta jaro. Ili esprimas sian sinceran konfidon kaj ĉiaman fidelecon al Esperantio ».

∴ La Esperantista grupo *Verda Stelo* de *Châlon-sur-Saône* donas sian aprobon al la decido de la grupo de *Reims* pri la Organiza demando. La konkludo de tiu decido, publikigita en la lasta N-o. de *Esperanto*, estas ke « la Komisio por ĝenerala organizaĵo » plej afable ekzamenu la proponojn de la Estraro de U. E. A., kaj prezentu al la VIII^a^ Kongreso projekton precipe favoran por la disvastiĝo de U. E. A. ».

∴

El multaj leteroj, kiujn ni ricevis kaj en kiuj estas esprimata la sama ideo, ni citos tiun de S-ro Abato Richardson, kiu post demando respondis, ke li ne nur aprobas, sed deziras la publikigon :

« U. E. A., estas societo, kiun mi altestimas kaj efektive konsideras kiel la solan kaj veran praktikon de Esperanto. Se U. E. A. sukcesos, Esperanto sukcesos, se U. E. A.. devus fali, nia movado eble dum longaj jaroj faros nenian progreson. Mi diras tion, por ke vi komprenu, ke mi estas kore kaj anime ligata al U. E. A. ».

Kaj en dua letero li aldonas : « Nia Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista estas Esperantia Entrepreno, sed mi, kiel Prezidanto, esprimas la deziron, vidi ĉiun « Unuiĝanon » samtempe membro de U. E. A. Tio nepre aldonus pli da forteco al nia movado ».

## STATISTIKAJ NOTOJ

Unu el niaj fervoraj Delegitoj, S-ro. Mazzolini, el Perugia, faris interesan statistikan tabelon pri la profesioj de la Delegitoj de U. E. A., tiaj, kiaj ili estas notataj en la Jarlibro. Bedaŭrinde, malgraŭ niaj klopodoj, multaj Del. ne konigas al ni sian profesion. Tial la statistiko estas ne kompleta. Tia kia ĝi estas, ĝi tamen liveras interesajn konkludojn :

| | |
|---|---|
| *Instruistoj kaj profesoroj* (de duagradaj lernejoj 40, Instruistoj de elementaj lernejoj 58) | 98 |
| *Oficistoj diversaj* | 90 |
| *Industriistoj kaj komercistoj* (diversaj 52, bankistoj kaj asekuristoj 9, libristoj 7, makleristoj kaj vojaĝistoj 4) | 72 |
| *Sanistoj* (Kuracistoj 24, farmaciistoj 23, dentistoj 3, veterinaroj 2) | 52 |
| *Inĝenieroj kaj arkitektoj* | 30 |
| *Juristoj kaj advokatoj* 16, notarioj 4 | 20 |
| *Laboristoj* (Diversaj 7, presistoj 8, mekanikistoj 3) | 18 |
| *Fervojistoj* | 17 |
| *Oficiroj kaj soldatoj* (Oficiroj 14, soldatoj 2) | 16 |
| *Studentoj* | 16 |
| *Poŝt- telegraf- telefonistoj* | 12 |
| *Pastroj diverseklezaj* | 10 |
| Transportota | 451 |
| Transportita | 451 |
| *Artistoj* | 6 |
| *Scienculoj, Universitataj profesoroj* | 5 |
| *Ĵurnalistoj* | 3 |
| *Diversaj* | 18 |
| | 483 |

Por la ceteraj Del., la profesio ne estis notita.

# Esperantiaj Fakaj Asocioj

## UNIVERSALA INTERŜANĜA ASOCIO

Al ĉiuj ĝisnunaj aliĝintoj de tiu faka Asocio estas sendita speciala demandilo pri la temoj de ilia korespondo aŭ interŝanĝo. Ni tre petas, ke ili bonvolu plej baldaŭ ĝin resendi plenigitan.

Tio estas necesa kondiĉo por enpreso en la *Interŝanĝa Bulteno.*

Ni rememorigas, ke la speciala kotizaĵo por la Interŝanĝa Fako estas 50 sd. jare. La *Interŝanĝa Bulteno*, enhavonta la liston de ĉiuj membroj, aperos en la fino de decembro aŭ dum januaro.

# Esperantia Babilado

## Por kaj Per

Se la ovo de Kolumbo estas elpensita estas tre facile ĝin ripeti. La ideo de la disigo de « Por » kaj « Per » esperanta estas tre malnova. De ĝenerala vidpunkto ĝi estas tiel malnova kiel la homaro, ĉar ĝi apartenas al ĉiu novaĵo elpensita de homoj. En la scienco oni nomas ĝin « pura kaj aplikata scienco ». De nia speciala vidpunkto S-ro Rousseau estis, kiu longe antaŭ la definitiva fondo de U. E. A. esprimis ĉi tiun ideon. Kaj poste la fondintoj de U. E. A. ĉiam kaj ĉiam ripetas ĝin. Do post longaj jaroj nun montriĝas frukto}. Oni komencas ĝenerale kompreni la diferencon de *por* kaj *per*.

Kiam en la jaro 1907 grava danĝero minacis nian movadon, estis kelkaj personoj, kiuj komprenis la plej bonan rimedon por starigi Esperanton pli forte, por ĝin enradikigi pli profunde, praktika uzado de Esperanto, peresperanta agado. En N-o 1 de *Esperanto* (Febr. 1907) parolas S-ro Rousseau en la artikolo : Kelkaj praktikaj aferoj pri la « Efektivigo kaj utiligado de niaj praktikaj peresperantaj entreprenoj » kaj oni ne povas citi kiel ofte S-ro Hodler ripetis kaj insistis pri tio. U. E. A. estas la efektivigo de la peresperantaj ideoj. La fondintoj komprenis, ke nura propagando de la lingvo neniam aŭ almenaŭ nur tre malfacile kondukus al la de ni revita celo. La praktika vivo pravigis dum kvar jaroj tiujn ideojn. Se Esperanto en la lastaj jaroj progresis kaj pli rapide kreskis ol antaŭe, ni dankas tion plejparte al U. E. A. Kiu nur supraĵe aŭ malamike rigardas la aferojn eble opinias, ke U. E. A. simple rikoltas. Sendube ĝi ankaŭ rikoltis, sed por rikolti oni devas same labori kiel por semi. Kaj kion rikoltis U. E. A. ? Ĝi rikoltis laboron, ĉiam pli kaj pli kreskantan laboron. Oni rigardu la ciferojn, kiuj ĉiumonate aperas en Esperanto « pri la movado de la korespondaĵoj » kaj oni facile povas elkalkuli, ĉu oni laboras aŭ ne. Eble oni povas la frazon de rikoltado iomete ŝanĝi kaj diri : U. E. A. laboris kaj aliaj volas rikolti.

Ĉu U. E. A. ne helpas Esperanton, ĉu ĝi ne estas la plej bona propagandilo de la grupoj ? Se oni volas varbi novan anon por Esperanto, ĉu oni ne montras la gazeton « Esperanto », la jarlibron kun la dika adresaro de la Delegitoj ? Ĉu oni ne klarigas la taskojn de la Delegitoj aŭ la helpon dum vojaĝo, kiun donas la Delegitoj. Ĉu la paroladvojaĝo de S-ro Parrish ne alkondukis multajn membrojn al la grupoj ? Kaj ĉu la paroladvojaĝo de S-ro Privat, kiu same okazos per U. E. A. ne alkondukos novajn adeptojn ?

Oni do ne parolu pri laboro kaj rikoltado, nek konstruu artajn disigojn. Ni ĉiuj volas antaŭ ĉio labori kaj ne pensi al gloro, ordenoj kaj rikoltado. Ni estu kontentaj, se ni vespere povas diri al ni « hodiaŭ mi laboris por Esperanto kaj per Esperanto ». Fr. Fl.

# Esperantia Parolejo

### Oni laŭdas !

.˙. S-ro *J.- F. Morton*, Esp-iano el New-York, sendas tutkorajn dankojn al la Del. de U. E. A. en Germanujo kaj Nederlando, kiuj tiom faciligis lian postkongresan vojaĝon. « Kien ajn mi veturis, mi ĉiam trovis, ke la servoj de U. E. A. ne estas vanaj vortoj, sed devoj, volonte kaj ĝoje plenumataj. Tiu praktika sperto, kiun mi poste ĉie citas dum niaj propagandaj paroladoj kaj dum privataj interparoladoj, multege faciligas la propagandon kaj helpas min pri la varbado de rekrutoj por nia afero » (1).

.˙. S-ro *Ludwik*, instruisto en Kounice (Bohem.) kore dankas pro la helpo dum vojaĝado la Del. en Genova, München, Zürich, Basel, Paris, Nancy, Stuttgart.

### Oni proponas !

.˙. F-ino *Herzog*, Del. en Davos proponas la jenon : « Ĉar en junio 1912 finiĝos la 25-jara ekzistado de Esperanto, mi proponas, ke la plej sperta membro verku « historion de Esperanto » de la komenco ĝis hodiaŭ, citante la ĉefajn faktojn, k. c. en sia loko. La grupoj aŭ sindona malavarulo monhelpus la eldonon de tiu broŝuro; tiamaniere ni ekscios la tutan ĝisnunan movadon de Esperanto ».

# Esperantia Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj J. Clerbaut (Boom, Belgujo) kaj Ges-roj Baez (Bruselo) naskiĝis infano. La baptinta pastro de F-ino Karmen Baez estis Abato Richardson, nia Del. en Bruselo, kaj la baptopatro S-ro Mathieux, distrikta Del. por Belgujo. Plej korajn bondezirojn al la junaj Esperantistidoj !

**Edziĝoj.** — Oni anoncas la edziĝon de D-ro *W. Marchand*, antaŭa Del de U. E. A. en Berlino, kun F-ino D-ino *G. Blair Watkinson*, el Hartford (Usono) kaj de S-ro *J. J. Schut*, Esp-iano el Hago, kun F-ino *E. P. Steegees*.

**Mortoj.** — Ni kun bedaŭro eksciis pri la morto de du fervoraj samideanoj el Antverpeno : S-ro *L. Jansen*, kaj F-ino *J. Smits* kaj pri la subita morto de sindona Esperantiano, S-ro *A. M. Mikirtumjanc*, kiu post longa poresperanta vojaĝo per U. E. A. tra Anglujo kaj Ameriko, loĝis de 15 tagoj ĉe la esperantista Hotelo, rue Monge, Parizo. Li post mallonga malsano subite mortis la 12 novembro matene. Li estis redaktoro-eldonisto de la grava gazeto « Bakua Stelo ». — G.

**Honoro.** — Nia nova Del. en Antverpeno, D-ro Van der Biest, sekretario de la Sepa, ricevis la ordenon de la Kruco de Zaragoza. Tiu hispana ordeno, kiun oni tre malofte donacas, estas speciale kreita por literaturistoj. Niajn gratulojn al nia simpatia samideano.

# Fakaj Societoj

### Tutmonda Amikaro de Publikoficistoj T. A. P.

Krom la estraro balotita, kies nomoj estas publikigitaj en la lasta N-o de *Esperanto*, estis elektitaj, dum la Sepa naciaj delegitoj, kies rolo estas kolekti la kotizaĵojn de la societanoj kaj transdoni la komunikaĵojn de l'estraro.

Jen la nomoj de kelkaj el tiuj delegitoj :

Anglujo : S-ro *Peck* (A. D.), Watton Cotford Road Thornton Heath. — Aŭstralio : S-ro Cadell, Mines Dept-Treasury Buildings Brisbane. — Belgujo : S-ro *Mulder*, Baltaerstr. 100, Anvers. — Bohemujo ; S-ro *Kraus*, ul. Karoling Svetlé 21, Praha. — Germanujo : S-ro *Engst*, Klopstockstr. 18, Dresden. — Skotlando : S-ro *Hawey*, 31 Comiston Drive, Edinburgh.

Ni aldonu, ke la mono de la societo estos deponita en la Ĉekbanko esperantista Merton Abbey, London.

(1) Jen unu el la multnombraj ekzemploj, kie peresperanta agado rekte efikas *por* Esperanto (Red.)

# Alvokoj

### Internacia Unuiĝo de Esperantaj Verkistoj

Dum la lasta Kongreso en Antverpeno fondiĝis nova unuiĝo ; la « Internacia Unuiĝo de Esperantaj Verkistoj ». Ĝi unue intencas konatigi la verkistojn unu kun la alia. Ili loĝas dise en la plej diversaj landoj. Ne estas eble, ke ili ofte persone kunvenu, sed la Unuiĝo tamen ebligas konatiĝon inter ili. Ni havas la liston de la aliĝintoj; ni tuj scias, ke tiu aŭ tiu ĉi persono estas tradukisto aŭ verkisto, apartenas al I. U. E. V., ni rajtas skribi al tiu persono, fari demandojn, doni kaj ricevi konsilojn k. c. Tio lasta jam koncernas la duan punkton efektivigotan de nia Unuiĝo : Reciproka helpo. La membroj de l'I. U. E. V. en ĉiu ajn rilato kaj afero povas reciproke sin helpi, ĉefe, kaj tio estas la tria celo, rilate al publikigado de Esperantaj verkoj. I. U. E. V. celas eviti duoblan eldonon de l'sama verko, samtempan aperigon de egala aŭ simila ellaboraĵo, eĉ duoblan tradukon de unu libro.

Do, I. U. E. V. trioble utilos al la Esperantistoj. La tradukantoj trovos ekzamenantojn por siaj tradukaĵoj, al la eldonistoj la Unuiĝo ebligos publikigi bonajn, interesajn verkojn, kaj la legantoj tiam kun intereso kaj plezuro ĉion legos kaj per bona legmaterialo ĉiam pliperfektiĝos en nia lingvo !

La enirpago al I. U. E. V. estas 1.00 Sm., la jara kotizaĵo 0.50 Sm. (provizore akceptita), la *Oficiala Gazeto* estas ĝia organo kaj la administrejo : *Dresden*, Nicolaistr 18.

### Konsilo por Propagando

Ni atentigas ĉiujn samideanojn uzi la eldonadon de la novaj adresaroj por 1912 por enpresigi informojn, kiuj rilatas al Esperanto. Oni klopodu aperigi la adresojn de la Delegitoj de U. E. A. de la Esperanto-Oficejoj eĉ de l'diversaj konsuloj. Oni ne forgesu enmeti la adreson de la loka grupo. Ĉiuj, kiuj instruas Esperanton enskribu siajn adresojn. Tio estas ĉio senpaga kaj bonega propagando.

### Esperantista muzeo kaj biblioteko

Ĉiutage pligrandiĝas la aro de la diversaj esperantaĵoj. « Sed, kie mi povas vidi ilin, de kie mi povas pruntepreni ilin, por atente kaj science rigardi ilin ? » Tiujn ĉi demandojn oni ofte, oftege aŭdas. « Ho, ni havas ja la bibliotekon de nia fama samideano Davidov ; ni havas ja la kolekton de la Centra Oficejo Esperantista ; ni havas ja ofte tre riĉajn librarojn de konataj samideanoj aŭ de esperantistaj grupoj ! Kion ni bezonas plu ! » Tia estas plej ofte la respondo al la supredirita demando. La respondo tute ne estas prava, ĉar el tiuj kolektoj ne ĉiuj estas uzeblaj por ĉiu ajn Esperantisto. Eble kelkaj amikoj de la posedantoj aŭ kelkaj Parizaj samideanoj havas okazon profiti tiujn ĉi valorajn bibliotekojn, sed multaj aliaj scivolemaj Esperantistoj, kiuj volas sin informi pri la historio de lingvo internacia, tute ne scias kion fari. Ni bezonas oficialajn bibliotekojn kaj muzeojn de Esperanto, por ke ĉiu povu viziti ilin kaj vidi niajn trezorojn, ni bezonas ŝtatajn bibliotekojn de Esperanto, kiuj ne nur montras esperantaĵojn, sed ankaŭ pruntedonas la librojn ne nur al samurbanoj, sed ankaŭ al samlandanoj, eĉ eksterlandanoj. Tia muzeo kaj biblioteko esperantista nun fondiĝas en la urbo de la kvara kongreso, en Dresden.

Tuj post la kvara kongreso oni kreis en la saksa ĉefurbo Dresden « Saksan Esperantistan Instituton » sub la protekto kaj observado de la reĝa saksa ministro de la internaj aferoj. Direktoro fariĝis la reĝa saksa asesoro D-ro Schramm. Baldaŭ dekdu instruistoj instruis la lingvon Esperanto en tiu ĉi instituto, baldaŭ ankaŭ ekzistis biblioteko kiun-afable akceptis la registaro kaj tiu ĉi biblioteko nun fariĝas *esperantista muzeo kaj biblioteko*, administrata de reĝa konstruaĵo de reĝa biblioteko laŭ reĝa regularo, tio estas : pu[illegible] oficiala institucio kaj kolekto, kiun ĉiu povas ĉiutage vidi, el kiu ĉiu povas senpage pruntepreni librojn.

*(Daŭrigota).*

### Ekspozicio en Kuba

Dum januaro 1912 okazos en *Habana* la unua jarkunveno de Kuba Societo por propagando de Esperanto. Tiuokaze oni malfermos Esperantan Ekspozicion; ĉiajn esperantaĵojn oni plej danke ricevos. Bonvolu adresi al: D-ro IA. Aleman, Apartado 1323, *Habana*, Kuba (Nord-Ameriko).

### Jam farita!

Responde al la artikoloj en la N-roj 109 kaj 111, « Ĉu farinda kaj farebla? », mi devas diri « jam farita ». En la Esperanta Fako de la Internacia Ekspozicio por Vojaĝo kaj Turismo (Berlino, aprilo-junio 1911) ni havis du fonografojn kun Esperanto-cilindroj el la firmo « Akcia societo por instruiloj » (*Berlin* W. 62 Kleisstr.), kiu presigis esperantan prospekton. Kvankam ne tro bone sukcesis tiuj unuaj provoj, mi kredas, ke pli bonaj cilindroj estos farataj se multaj samideanoj interesiĝos pri tiu demando. La firmo, kiu instruas fremdajn lingvojn per fonografoj, intencis eldoni ankaŭ serion por Esperanto. Lothar Gebhardt, Artillerie-Str. 3, Berlin N. 24.

### Al ĉiuj esperantistaj eldonistoj, gazetistoj kaj verkistoj!

Por konvinki la skeptikulojn ke Esperanto vivas, progresas kaj ĉiutage disvolviĝas, kaj por ebligi al jam ekzistantaj esperantistoj la abonon kaj aĉeton de la ĝis nun aperintaj gazetoj kaj verkoj; fine por diskonigi la celon de U. E. A., mi intencas fari dum nuna vintra sezono en mia urbo kaj en najbaraj urboj senpagan ekspozicion esperantan. Disponante por tiu celo miajn kelkdek librojn kaj nur kelkajn gazetojn estus tia ekspozicio nur tre malgranda kaj ne tre konvinka pruvo, — tial mi turniĝas al ĉiuj suprenomitaj eldonistoj kun peto, ke ili bonvolu sendi senpage tiucele po unu ekzemplero de siaj eldonaĵoj interŝanĝe. — Antaŭajn korajn dankojn. F. Bienkowski, Ĉefkomisaro de Financoj, *Zaleseczyki* (Galicio) Aŭstrio.



Ĉiujare la Burgonja Esperantista Federacio donacas, post ekzameno vojaĝstipendion al unu el siaj junaj membroj por fari rondvojaĝon per Esperanto. La stipendiulo, ĉe sia reveno, devas fari raporton pri tio, kion li vidis kaj spertis. Tiun ĉi jaron, S-ro R. di Rienzi estis stipendiulo kaj faris nur pro kaj per Esperanto tre interesan vojaĝon, kies diversajn okazintaĵojn li humorplene rakontas al ni per la supre nomita broŝuro. Leginte ĝin oni konvinkiĝas pri la nuna utileco de Esperanto kaj U. E. A.

La legado de tiu broŝuro estas tute rekomendinta por Esperantaj lernantoj ĉe kursoj aŭ grupoj. Niaj instruantoj ĝin uzos kun profito por interrompi la unutonecon de la gramatikaj klarigoj kaj fervorigi siajn instruatojn.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

La subaj anoncetoj pri Korespondado estas publikigataj sen garantio de ni pri regula respondo.

La personoj, kiuj deziras korespondi en daŭra maniero kaj havi garantiojn pri akurata respondo, aliĝu al la nova fako de U. E. A. « Universala Interŝanĝa Asocio » (kotizaĵo 0.50 Sm.), speciale starigita por faciligi la rilatojn inter korespondantoj kaj kolektistoj. La adresoj de la membroj de la Interŝanĝa Asocio estas publikigataj en la Interŝanĝa Bulteno.

Rimarko: Por plifaciligi la retrovon de adreso ni ordigas la adresojn laŭalfabete.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Amsterdam (Nederlando). — S-ro G. Roskau, Reinwardtstraat, 48, PI. bfl.

Barcelono (Hispanujo). — S-ro Benito Bellver, Milton 5, 1, 2 a PI.

Berlin (Germanujo). — S-ro Karl Behrle, 2-o Stralauerallee (Socialaj internaciaj temoj).

Bolvo Odense (Danujo). — Knud Ove Bierfreund, Kancelivej, 3, PI.

Boulogne-sur-Seine (Francujo). — Ges-roj G. Chantaz, 11 *bis*, Chaussée-du-Pont (sendos parizajn vidaĵojn), L. PI. bfl.

Bucaramangga (Kolumbio, Suda Ameriko). — S-roj Adolfo Harker Mutis kaj Juan F. Sarmiento. PI. (precipe kun fraŭlinoj).

Budapest (Hungarujo). — S-ro Fr. K. Kies, Pipa-str. 4, PI. (ne kun Eŭropo).

Caussig (Germanujo-Saksujo). — S-ro Emil Wahode, L. PI. kun ĉiulandaj samideanoj (prefere kun hungaroj, bulgaroj, rumanoj, serboj, turkoj kaj grekoj). F-ino Liddy Wahode (same).

Cleveland (Usono, Ohio). — F-ino Sybil E. Bailey, 2.242 E. 80 th. St.; PI., L.

Dresden (Germanujo). — F-ino Wanda Kirschner, 14, Arnoldstr. PI.

'S-Gravenhage (Nederlando). — S-ro G. van Oijen, 76, Engelenburgstraat, PI.

Halifax (Anglujo). — S-ro E. Depledge, 42, Newstead Avenue. PI.

Hodmezœvasarhely (Hungarujo). — S-ro Ferenc Laurenoz, II. Caillag 12.; PI.

Kassel (Germanujo). — Esperantista societo, 19, Leipzigerstr. (90 membroj), ĉiam interŝanĝas PI. kun Skandinavio, Balkan-ŝtatoj kaj ne-Eŭropaj landoj.

Krakow (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Antonio Grabski, Stolarska, 6, PI.

Krakov (Aŭstrio). — S-ro Jan Mendrkieviĉ, medicinisto, str. Dluga 52; L. kun Kuracistoj pri klimato- kaj balneologiaj temoj (kun estroj de kuraclokoj pri higieno kaj dieto).

Krakov (Aŭstrio). — Stanislavo Dzieduszycki, gimnaziano, str. Biskupia 9; PM. kun ĉiulandaj samideanoj.

Luck (Gubernio Wolynska-Rusujo). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec deziras interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.

Moskvo (Rusujo). — S-ro F. N. Zubrickij, po vostrebovanija, PI. L.

Moskvo (Rusujo). — S-ino Iidy Jakobleff, Tverskaja, Leontievskij per., dom Pranat, kvar N-o 1. PI. (kun samideanoj el ĉiuj landoj).

München (Germanujo). — S-ro Hans Kock, 22/i Gebsattelstr. PI. bfl. (ne kun Francujo, Hispanujo, Austrio kaj Rusujo).

München (Germanujo). — S-ro Franz Link, 44, Auenstr. PI. parte bfl. kaj parte aliflanke. (kun ĉiuj escepte Germanujo kaj Parizo).

Nemecky Brod (Austrio-Bohemujo). — S-ro Sperlink Bohumil. L. PI.

Nottingham (Anglujo). — F-ino Braley, 66, Denman, str.; PI.

Paris XI (Francujo). — S-ro Josef Cervos, 94, rue de Charonne deziras korespondi kun Esperantistoj el Londono, Nottingham, Liverpool, New-York kaj St-Francisko, Cal.

Saint-Peterburg (Rusujo). — S-ro R. Stahlberg, Voznesenski pereulok, lo. PI.

